XI^a jaro. N° 164 (5) ☆ Duonmonata ☆ 20 marto 1914

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poštĉeka konto I.824.—Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAJOJ

## Pri Tolstoj, la edukisto-verkisto

Kio estas Tolstoj? Ĉu filozofo, ĉu poeto aŭ profeto? Mi ne scias, kio estus profeto. Pri profeto ni havas ideon el tre antikvaj libroj. Sed la ideo, kiun ili transdonas, supoziĝas ilin mem por esti komprenataj. Tiel ili kvazaŭ altrudas ideon nur imageblan, se oni supozas ĉion, kion ili pretendas. Dio sendas virojn al sia popolo, ordonante, ke ili anoncu al ĝi lian volon. Kaj la profetoj mem anoncas sin senditoj de Dio, kaj kiel tiaj ili predikas por plibonigi, plivirtemigi sian popolon. Kaj por efikigi sian predikon, ili minacas je punoj de Dio, antaŭdirante la estontecon aŭ interpretante la malfeliĉajn okazojn de la estanteco laŭ sia senco. Sed se oni hodiaŭ nomas homon profeto, oni volas diri nur, ke li kvazaŭ predikas, t. e. verkas por plibonigi, plivirtemigi sian popolon, aŭ plivere en nuna tempo la homaron. Kaj en tiu ĉi kompreno Tolstoj estas profeto; sed kiu vere granda homo kaj verkisto ne estus profeto?

Ĉu li estas filozofo? — Filozofio estas scienco, kaj kiel ĉiuj tiaj kreitajoj de la homa intelekto ĝi estas konstruajego, je kiu pli aŭ malpli laboras ĉiuj tempoj kaj gentoj de la homaro. Ĉiu filozofo estas konstruisto, kiu aŭ pliperfektigas la komencitajon de siaj antaŭuloj aŭ plibonigas ĝin detruinte kaj anstataŭiginte tute aŭ parte per sia propra konstruajo. Tiaj konstruajoj estas la sistemoj de la filozofio. Fundamente oni diferencigas pesimismajn kaj optimismajn sistemojn. La optimismo jesas, la pesimismo neas la vivon; por la unua la tuta enhavo de la vivo sumiĝas je io bona kaj dezirinda, kaj pro tio la vivo estas vivinda malgraŭ ĉiuj siaj malbonajoj; por la alia la bonajoj de la vivo ne egaliĝas kaj ne egaligas la malbonajojn, la tuta sumo estas io malbona kaj maldezirinda, kaj pro tio la vivo ne estas vivinda. Krom tiu fundamenta diferenco la filozofio disfalas en kelkajn laŭcele, laŭmetode diversajn skolajn sistemojn. Ke Tolstoj ne estas filozofo en tiu ĉi scienca senco, en tiu ĉi kvazaŭ akademia senco, tion pruvas la fakto, ke li mem nek formis sistemon, nek apartenas al iu ajn skolo de la filozofio. Tamen li traktis filozofiajn problemojn; aŭ plivere pli ol traktante ilin, li kvazaŭ donis ilian solvon, ne science esploratan, sed profete anoncatan.

Li vere estas poeto! Kaj kiel poeto li solvis filozofiajn problemojn kaj anoncis profetajn postulojn, per siaj grandaj kaj gravaj poeziaj verkoj. La poezio estas arto — kaj Tolstoj mem ĉiam konsciis sin artisto.

Ju pli granda estas homo, des pli komplika ĝia evoluo. Kaj ju pli komplika la evoluo, des pli malfacile estas studi ĝin. Pri Tolstoj antaŭ ĉio oni devas konsideri, ke li estis Ruso. Kiu volas kompreni lian veran gravecon, tiu devas elimini ĉion nur komunrusan, ne mempersonan. Lin ĉirkaŭis la rusa kulturo, kiu destinis lian tutan evoluon kaj kiun koncernis lia tuta verkado. Tamen ĉie elkreskis supera lia granda personeco, modife, gvide. Kaj tiu ĉi gvida personeco havas valoron ankaŭ eksterrusan, tuthomaran.

Du turniĝojn ni vidas en lia evoluo, kiujn ambaŭ bone montras kaj klarigas lia rilato al la landa, t. e. la greka-katolika eklezio. Li forlasis la patran religion por tute libere ekkoni la mondon kaj por alproprigi al si la okcidentan sciencan kulturon; kaj poste li ree forlasis tiun sciencan kulturon por ekstarigi el la malnovaj formoj kaj malfreŝaj koloroj la puran antikvan kristanecon. Li mem priskribis

sian tiun ĉi evoluon en sia bon- kaj malbonfama „konfeso". Jen lia reveno el la okcidenta kulturo ĝis al la malkultura stato de rusa kampulo. Lin ekkaptis la problemo pri la senco de la vivo. Oni ekkonas lian dependecon de Schopenhauer, de la pesimisma filozofo, kiu estris la okcidentan kulturon de tiu tempo. Sed Tolstoj ellevis sin el tiu okcidenta kuluro; kaj kio lin ellevigis, estis tiu demando pri la feliĉo, tiu problemo pri la senco kaj la celo de la vivo.

Kiel la persono ĉefa en „Anna Karenino" li estis vagade kureginta, timante sin mem, por serĉi la feliĉon. Estis la fakto de la morto, kiu ekkaptis lin. Kia ajn estas nia opinio kaj kredo, nia vivado kaj agado, ni kreas, estigas ion, kion ni estos forlasantaj; kaj kvankam ĝi estos fruktodona al aliaj, tamen ankaŭ tiuj devos morti, kaj finege ĉio estos finita! Li priskribas, kiel arbo estas faligata, kiel bovo estas buĉata, kiel rusa nobelo en Italujo estas je ftizo malkreskanta al la morto — kaj li demandas: kies morto estas la plej terura? Certe la morto de la plej kulturiĝinto, de la homo! Do, ĉar la tuta okcidenta kulturo kun ĉiuj ĝiaj institutoj kaj produktoj ne povis respondi kontentige al li tiun demandon pri la feliĉoj, tial li ekrifuzis, malkonsentis tutan tiun ĉi kulturon. Kaj en konsekvenco de tiuj pensoj li ĉesis servi tiun kulturon, servi la arton. Li sin donis plu nur al edukado de la homoj. Kaj tiam li ekkomprenis ankaŭ la sencon de la vivo: la grandan, pli vere la absolutan malraciecon de la homo. Tiun ĉi malraciecon de la homa koro ne povas respondi kaj kontentigi la racio, sed nur la homa koro mem. Nur tiam ĝojo trankviligas la homan koron, kiam la soleco, kiun ĝi suferante supozis, ne ekzistas. Se ni scias nin estantaj en iu senlima, senfina tuto, tiam ni mem estas senfinaj! Tio ĉi estas la radiko de kristanismo, kiu tiom malsimilas la historian kristanecon, ke Tolstoj, edukonte tiun kristanecon al sia kristanismo, nepre bezonis radikalan aliformigon.

La opinio pri io senlima, senfina, kio enhavas nin ĉiujn, ne nur kaptis lian intelekton kaj kondukis ĝin al la certeco pri tiu vivo: ĝi kaptis ankaŭ lian koron kaj kondukis ĝin al senlima amo pri tio senfina. Li, la riĉegulo, izolis sin en la memvolan solecon de sia patra posedaĵo. Kaj al tiu ĉi rusa kamparano, kiu li fariĝis, la problemoj pri la senco de la vivo, la demandoj pri la feliĉo estis solvitaj, aŭ pliĝuste li tute ne konis ilin plu! Li ne malvidis la limojn kaj la barilojn de la rusa kampulvivado, ĝian malvastecon de la horizonto kaj unuflankecon de la spirito; li ja penadis la duonon de sia vivo por eduki la rusan kampularon. Tamen la ilustraĵo, kiun Tolstoj skizis pri la estonteco, estas nura abstraktaĵo de la rusa kampula vivado — sed ĝi estas idealigita, kaj kiel idealigita ilustraĵo ĝi ne koincidas je la realeco.

Tolstoj similas al la germana poeto-filozofo Nietzsche, kiu same devenis el la scienca kulturo de la tempo kaj same forlasis ĝin; tamen ne por reiri al la antikvaj tradicioj, sed por neniigi kaj ekdetrui ĉiujn tradiciojn kaj aŭtoritatojn kaj anonci ion tute novan: la kulturon de la „superhomo". „La homo ne estas fina celo en la evoluado de la mondo, li estas nur transira ponto al la superhomo." Ankaŭ Nietzsche estis poeto, kiu profete anoncis sian filozofion. „Mi komprenigas al vi la superhomon. La homo estas io, kio estu subigata. Kion vi faris, por subigi ĝin?... Jen mi komprenigas al vi la superhomon. La superhomo estas la senco de la tero. Via volo diru: la superhomo estu la senco de la tero! Mi petegas vin, miaj fratoj, restu fidelaj al la tero kaj ne kredu al tiuj, kiuj paroladas al vi pri ĉielaj esperoj.... Ne nur pluen plantu vin, sed supren! Soifo de la kreanto, saĝo kaj sopiro al la superhomo: diru, mia frato, ĉu tio estas via volo al edziĝo?... La feliĉo de la viro estas: mi volas; la feliĉo de la virino: li volas". — Sed kia malsameco inter la Germano kaj la Ruso: jen la unu, kiu „ne povus vivi, se estus Dioj", jen la alia, kiu ne povis vivi sen Dio: la Germano kun lia plej senkompata rigoreco: kio estas falonta, tion eĉ puŝu, renversu!" kaj la Ruso kun lia ĉion enprenanta amo. Kiu do povas diri, al kiu apartenos la estonteco? Ĉu al Nietzsche, kiu proklamis la potencon — aŭ al Tolstoj, kiu predikis kaj praktikis la amon?...

D-ro fil. *Hans Steinberg.*

Represado kaj traduko nur kun permeso de la aŭtoro.

 SOCIA VIVO 

## Nuntempa Maroko kaj ĝia evolucio

I

Maroko, antikva Maroko, tiu fermita kaj de jarcentoj senŝanĝa lando, estas malaperanta. For estas nun tiu postesigno de l'estinteco, tiel strange sidanta ĉe la pordo de Eŭropo. Sufiĉis kelkaj traktatoj, kelkaj internaciaj interkonsentoj. Nuntempe, lando ne povas resti ekster la tutmonda vivo. Tio sendube estas necesaĵo de la moderna tempo.

Nun, Maroko estas malfermata al la fremdaj influoj kaj energioj; rapida estos ĝia transformiĝo. Tial, la vojaĝantoj ŝatantaj pitoreskaĵojn aŭ sin interesantaj pri kolonia vivo nun ĝin vizitu. Ekzistas tie, tute proksime de Francujo ankoraŭ netuŝita fremda mondo, kiun oni devas vidi antaŭ ol la eŭropa influo forprenos parton de ĝia propra karaktero.

Baldaŭ finitaj estos la vojaĝoj kun karavano, ĉevalo aŭ mulo, ĉe kiuj oni ĉiutage devis halti post peniga tridekkilometra irado. Oni nun konstruas vojojn, kie veturas aŭtomobiloj. Finita la kampado sub la tendo, kiun oni starigas post la tagvojo. Laŭlonge de la ŝoseo kuŝos hoteloj. La ĉaroj aŭ transport-aŭtomobiloj, poste la fervojoj, iom post iom anstataŭos la kameltransportadon.

Tiuj transformiĝoj de la ekonomia vivo grade modifos la tiel originalan aspekton de la lando. Oni tamen ne kredu, ke Maroko estas tiel facile impresebla de la fremdlanda agado. Sub la influo de pli potenca civilizacio, iuj landoj rapide perdas sian animon, aliaj ĝin konservas, eĉ kiam ili akceptas novajn kutimojn kaj socian organizon. Tiel, Japanujo, alpreninta la eŭropan industriemon, tamen konservis propran karakteron kaj mentalecon. Ŝajnas, ke tiel ankaŭ estos Maroko, eble je malpli alta grado.

Ni rememoru la jarcentan rezistadon de la Berberoj kontraŭ la sinsekvaj invadoj. Tiu inteligenta, laborema, sendependa sed ne malamika raso, estas la fundamento de la loĝantaro. Tre admirataj de la francaj oficiroj ili estas tiel pro sia fizika hardīteco kiel pro sia inteligenteco pri la strategiaj demandoj; la eŭropajn komercistojn kaj inĝenierojn ili surprizas pro sia miriga komprenemo pri niaj plej modernaj progresoj. Tiu loĝantaro havas propran individuecon, kiun oni povos nek forigi, nek perforti. Eĉ ŝajnas, ke en tiu lando nenio daŭra estas farebla sen profunda kono pri la enlandulo aŭ sen lia kunlaborado. Tio rezultas tiel de la individua sperto de la eŭropanoj establiĝintaj en Maroko, kiel de la nova aŭ malnova historio pri la franca politika agado en tiu lando.

Bedaŭrinde, oni en Francujo ankoraŭ multe iluzias. Kvankam ĝi estas nova lando, Maroko ne estas tia virga lando, kie la koloniano nur bezonus konduki la eŭropan plugilon sur tero ĝis tiam supraĵe kulturita. Ĝi entute ankaŭ estas nek riĉa, nek facile ekspluatebla lando, kie la abundeco de la produktado permesus ĉian maltiman entreprenon. Ĝi tamen estas lando promesplena, sed oni nepre malkuraĝiĝu

ĉiujn frumaturajn entreprenojn de homoj, kiuj ne antaŭvidas la komplikecon de la elementoj prikonsiderotaj.

Ĉe unu punkto speciale vigla estis la eŭropa invado, nome ĉe Casablanca. Tiuj, kiuj — kiel ni — vidis tiun urbon en la momento kiam ĝin okupis la franca militistaro je 1907, malfacile rekonus ĝin. Certe, pro manko de haveno, la marbordo ankoraŭ estas negastigema; en lastjara aprilo ni kalkulis ĉirkaŭ tridek ŝipoj, kiuj estis senmovigitaj en la rodo; ili ne povis alteriĝi pro la ondegoj, kiuj frapŝaŭmiĝis laŭlonge de la marbordo. Por ke la barkoj povu preni al si kaj alterigi vojaĝantojn kaj transportaĵojn, oni devas atendi ĝis la maro kvietiĝas. En la lasta vintro kelkaj ŝipoj restis tiel dum unu monato, esperante de tago al alia ian favoran ekkvietiĝon.

Malgraŭ tiu tre malfavora situacio — similan cetere havas ĉiuj havenlokoj de la marbordo — Casablanca, okupita de Francujo je 1907 fariĝis — ho, mistero de la politiko! — la bazpunkto de la franca okupado en Maroko, kiun oni tamen prave prezentis kiel la naturan sekvon de Alĝerio. Ĉiuj korpusoj irantaj al aŭ revenantaj de Maroko, ĉiuj provizaĵoj, ĉevaloj, municioj, pasas tie. Tio kaŭzas konstantan movadon, kiu konsiderinde pligravigis Casablanca. Novan vivon havas la urbo duonruinigita antaŭ ses jaroj, elrabadita, montrinta tiam elrenversitajn domojn kaj murojn fenditajn, aŭ nigrigitajn de la fumo.

La malnova indiĝena urbo estas purigita, la ĉefaj stratoj estas lumigitaj kaj pavimitaj. Ekster la remparoj, sur la tero iam trabalaita de la kugloj, konstruiĝas nova urbo. Oni konstruas ŝtonajn domojn laŭ eŭropa modo; oni starigas fundamentojn tie, kie iam estis faritaj fosaĵoj por akcepti la kadavrojn rapide kolektitajn en la urbo aŭ ĉe la remparoj. Sed oni ankoraŭ pli spekulacias ol oni konstruas. Ĉiuj ĉirkaŭurbaj terspacoj estas de longe akaparitaj. Oni verkas planojn, desegnas stratojn, partigas, kaj atendas aĉetonton konservante altajn prezojn. La terspekulacio estas la ĉefa okupo de la aferistoj en Casablanca: senfrukta agado ĝi estas, ĉar ĝi ne sole ne valorigas la landon, sed kontraŭe haltigas aŭ malfaciligas ĝian valorigon, tial ke ĝi mallogas aĉetantojn seriozajn kaj kapablajn ion fari. Flanke de la spekulacia agado, ekzistas ankaŭ komerca agado, sed ĝi plejparte estas tiel nenatura kaj senfrukta kiel la alia. En lando, kiu ne ankoraŭ ion produktas, kio respondas la bezonojn de eŭropano, oni kompreneble devas importi ĉion necesan por la kvindek mil soldatoj, iliaj edzinoj, se ili havas, la ĉevaloj, muloj, ktp. Sed nedubinde estas, ke tiu komerco — tre gajniga pro la alta vendprezo de la komercaĵoj — ne estas fruktodona, ĉar, ĉe ambaŭ okazoj, la profito estas deprenata el mono importita el Francujo, kaj sekve tiom pli multe pligrandigas la ŝuldon de Maroko aŭ la francan kapitalenmeton en tiu lando. Ĉar oni baldaŭ sendos novajn kapitalojn, elspezos 50 milionojn, sekvotajn de aliaj, por konstrui havenon, oni daŭras plifortigi tiun suprajan komercan movadon, kiu daŭros tiom, kiom estos importataj la francaj kapitaloj. Kompreneble, tio okazas en ĉiu lando, kiun oni celas valorigi. Oni antaŭprofitas la estontecon. La publika aŭ privata iniciato konstruigas en Casablanca eŭropan urbon, kiu multe superas la nunajn bezonojn. Se la lando prosperas, tio estos plene pravigita. Tie staras la demando. Sed nuntempe, nek la publikaj, nek la privataj entreprenoj ion faris por valorigi la landon. La interna komerco restis kiel antaŭe; ĝia suma cifero ne pligrandiĝis; la metodoj ne ŝanĝiĝis.

Laŭ nia opinio, tre eraras la personoj, kiuj el la nuna agado en Casablanca konkludas al brila estonteco de la nova protektorato. Tiu agado estas sen rilato kun la propraj rimedoj de la lando. Tie, kie la kanono breĉis en malnova Maroko, oni konstruis la fundamenton de urbo, el kiu oni esperas radiigi la francan influon ankoraŭ ne firman ekonomie kaj politike; tio estas nur fasado laŭ kiu oni ne povas juĝi la landon mem, nek ĝian ankoraŭ necertan riĉecon, nek ĝian ekonomian estontecon; Casablanca esprimas nur esperojn.

Sed trans tiu fasado oni povas nun rigardi la realecon, kaj por tio vojaĝi internlande. Altiritaj de la grandega reklamo farita pri Maroko, multaj francoj tien venas. Flanke de spekulaciemuloj, oni trovas multajn dezirindulojn: francaj industriistoj, kolonianoj el Alĝerio kaj Tunizio. Ilia preskaŭ unuanima impreso estas malfavora; ĉiuj, kiujn ni renkontis, estis seniluziigitaj pri la lando kaj ĝiaj tiom laŭdegitaj riĉaĵoj. Tre bedaŭrinde estus, se tiuj trorapidaj juĝoj sin trudus en Francujo. La franca opinio devas sin gardi de ĉia ekstrema opinio, kiun kaŭzus partaj malsukcesoj aŭ trompita senpacienco. La progreso de nova lando plenumiĝas malrapide; sed la nuna riĉeco de Alĝerio, post okdek jaroj, esperigas por Maroko pacience valorigota, tiel prosperan estontecon.

Laŭ *P. Duchesne-Fournet*

*(Daŭrigota.)* Trad.[1] *A. R.*

---

## Ĉasado en Parano

II

Mi devas ankaŭ diri kelke da vortoj pri estaĵoj, kun kiuj, kvankam ili ne estas ĉasaĵo, la ĉasanto konstante renkontiĝas. Ĝi estas serpentoj, tre multnombraj kaj plejparte venenaj. Tamen la vivo en la arbarego disvolviĝas tiel altan atenton, ke mortigaj akcidentoj estas treege maloftaj. Multe pli ofte ili okazadas al koloniistoj, en kies loĝejojn kaj eĉ litojn iafoje enrampas la serpentoj. Kiel armilo kontraŭ la rampaĵo servas bastono aŭ kano. Ordinare la unua trafa ekbato rompas la vertebraron, pereigas la movemecon kaj pluaj batoj mortigas ĝin. Superstiĉaj brazilianoj kredas, ke oni ne devas mortigi forkurantan serpenton, ĉar ĉi tio kaŭzos malfeliĉon. Sanigilon kontraŭ venena ekmordo de serpento la brazilianoj ne havas. Cetere, oni diris al mi pri la kreskaĵo nomata herva de lagarto, sed neniu povis klarigi ĝian efikon, nek manieron de ĝia uzado. Male, la Indianoj posedas, kiel ŝajnas, rimedon de fabela bonefikeco: vundo, ŝmirita per tiu ĉi kuracilo, tute ne brulumas kaj la veneno ne faras eĉ plej malgrandan efikon.

La indianoj ne estas tiom malmultenombraj, kiel oni ĉi tie ordinare pensas: trans rivero Iguassu en kolonio Vera Guarany ili aperadas ofte. Iliaj rilatoj al brazilianoj estas mortigaj, ĉar „caboclo“ ne opinias krimo mortigi plenaĝajn kaj malliberigi pli junajn. En sekvo de tio, en kolonioj ni iafoje renkontas kaptitajn iam indianinojn, kiuj diferenciĝas per koloro de l'haŭto, per trajtoj kaj rektaj nigraj haroj. Krom sia ekstera aspekto ili diferenciĝas ankaŭ tre bone per trankvila, milda karaktero kaj eksterordinare simpatia konduto.

Dum sunleviĝo, pli-malpli je la sesa, akra kriado de papagoj vekas la lacigitan ĉasiston. Mi kaptas pafilon kaj rapidas en arbaron, ĉar estas plej taŭga tempo por ĉasado: en ĉi tiu momento ĉio sin movas, serĉante nutraĵon. Ĉiuminute sonas ligna voĉo de birdo Ramphostos dicolor; diversspecaj pegoj fervore ĉirkaŭfrapas, pinojn bluaj kornikoj kaj pigoj minuto post minuto komencas bruan kriadon, aŭ nigraj turdetoj plenumas sian kuriozan koncerton, ĉirpante ĉiu per alia tono — la tutaĵo faras impreson de neagordita ĥoro. Sed en Parano promeni dum ĉi tiu horo tute ne estas agrablaĵo: densejoj, arbustoj, herboj estas kovritaj de tia kvanto da glacie malvarma roso, ke post unu horo oni, malseka ĝis la lasta fadeno, rapide

[1] El „La Revue hebdomadaire“ (Paris).

revenas al fajrujo por sin varmigi kaj sekigi. La suno leviĝas ĉiam pli alten, fine ĝi komencas brogi senkompate. Paralele la birdara vivo endormiĝas, kvazaŭ mortas. Nur ĵus antaŭ vespero la arbarego denove viviĝas: nun komencas aŭdiĝi fajfado de brazilia turdo sobia, ĉiam pli laŭte sonas kverado de kolomboj; per vere fabela beleco de l'voĉo distingiĝas belega kolombeto nekonata en katalogo de British Museum, sekve kredeble nova speco. Malgaja lamento de mirmekofago signas komencon de „krepuskiĝa horo", kiun mi pasigas apud la fajrujo meze de balzama odoro de tropikaj arboj, en societo de hundo kaj kateto, aŭskultante resonojn de l'arbarego.

Falas mallumo. Samtempe aperas diverskoloraj fajretoj de lampiroj, bruas ĥoroj de ranoj, iafoje aŭdiĝas ia birdeto kaj tuj silentas, kvazaŭ timigita de sia propra kuraĝo. La arbarego ekdormas. Silenton traŝiras nur mallonga interrompa blekego de l'leono aŭ demona krio de gufo. Malvarmo estas ĉiam pli kaj pli akra, mi alĵetas lignojn en fajrujon kaj pli hermetike ĉirkaŭvolvas min per poncho. Iafoje en la arbarego aŭdiĝas aliaj voĉoj: en la aero oni antaŭsentas pluvon kaj neatendite eksonas terura blekado, ronkado, ĝemoj. Ŝajnas, ke jen iaj kolosaj monstroj ludas siajn batalojn. Nenio simila! Ĝi estas nur simioj, micetoj, bugiu de brazilianoj, kaj ĉi tio estas tiel certa signo de la pluva sezono, ke brazilianoj diras: „saracura não é Deus, bugiu-si!". Saracura — speco de vadobirdo per sia voĉo ankaŭ anoncas pluvon.

*T. Chrostowski.*

Trad. *J. Chankowski* (Subdel. Novo-Minsk).

---

## La internacia fervoja transportado de sendaĵoj

II

Transportkontrakto signifas ĉefe, ke fervojo promesas, ke ĝi laŭ aplikeblaj reguloj kaj tarifoj transportos al difinita stacio sendaĵon de difinita kvanto, kaj ke tiu sendaĵo estos elliverata al difinita persono. La sendletero do devas klare kaj precize mencii almenaŭ tiujn ĉi aferojn, kaj por havi kvaliton de taŭga pruvilo ĝi plue devas esti datumita kaj subskribita de ambaŭ kontraktintoj — la sendinto kaj la fervojo — aŭ esti provizita per iliaj stampoj.

La informoj, kiujn la sendanto devas enskribi en la sendleteron, devas ordinare esti aŭ german- aŭ franclingvaj, kaj faritaj skribe aŭ prese. Krom la informoj, kiujn la sendanto devas nepre enskribi, li ankaŭ povas laŭvole enskribi sur la sendleteron kelke da permesataj aliaj informoj, ekz. pri pagigo, liverintereso aŭ afranko. La sendinto estas responddeva pri la ĝusteco de ĉiuj mencioj kaj informoj en la sendletero, kaj devas kompensi aŭ mem suferi la sekvojn pro malĝustaj, dusencaj aŭ neplenaj sciigoj. Pro malĝustaj mencioj, la fervojoj rajtas pagigi konsiderindajn plupagojn, ĉe kelkaj okazoj eĉ ĝis 15 frankoj por ĉiu kilogramo de la tuta pezo de la sendaĵo. Rilate al tiaj sendaĵoj, kiajn la sendanto mem ŝarĝas (vagonsendaĵoj), mencioj en la sendletero pri nombro kaj pezo ne estas pruvo kontraŭ la fervojo, krom se la fervojo kalkuligis aŭ pesis la sendaĵon, kaj noto pri tio estas farita sur la sendletero.

Dum sendaĵo estas transportata, la fervojo prizorgas la plenumon de doganaj, akcizaj kaj policaj reguloj, sed la sendanto devas almeti al la sendletero ĉiujn necesajn dokumentojn por la plenumo de tiuj ĉi reguloj. La fervojo ne havas devon kontroli la ĝustecon de tiuj dokumentoj.

La transportpago estas kalkulata laŭ leĝe konfirmitaj tarifoj. Ĝi parte aŭ tute estas antaŭpagebla de la sendanto aŭ postpagebla de la adresato. Tamen la fervojo rajtas postuli antaŭpagon por sendaĵoj kun emo rapide difektiĝi, aŭ kun tiom malalta valoro, ke ĝi ne atingas evidente la transportkoston.

Ĉar rektaj tarifoj kompreneble ne estas elverkitaj inter ĉiuj fervojoj en la respektivaj landoj, la ĵus citita regulo do estas grava, ĉar manko de rektaj tarifoj ne malebligas al sendanto pagi ĉe la elsendstacio ĉiujn kostojn por transporto la tutan distancon ĝis la adresstacio. Por tio la sendanto devas ĉe la elsendstacio deponi garantiaĵon por sumo, kiun la fervojo aprobas kiel sufiĉan. Noto pri tia pago devas esti enskribita sur la sendletero per respektiva termino en permesata lingvo (t. e. ĝenerale aŭ franca aŭ germana): afranke, afranke por doganpago, afranke inkluzive doganpago, afranke inkluzive ĉiuj kostoj, ktp. Se la sendanto deziras pagi nur parton el la transportkosto, li devas sur la sendletero enskribi la sumon, kiun li volas pagi.

Nur la sendinto rajtas decidi, ke por transporto jam ricevita sendaĵo estu reliverota, haltigota, elliverota al novnomata ricevonto aŭ ĉe la adresstacio aŭ ĉe alia stacio, aŭ ke ĝi estu resendota. Necedebla kondiĉo por tiu disponrajto estas, ke la sendinto prezentas la sendleteran duplikaton. Sed eĉ se sendinto konservas la duplikaton, lia disponrajto ĉesas kiam la sendletero estas liverata al la adresato, post kiam la sendaĵo alvenis al la adresstacio. De tiu momento la disponrajto estas transiĝinta al la adresato, kaj de tiam la fervojo ne rajtas obei aliajn dispondecidojn ol tiuj, kiujn donas la adresato.

Tiu ĉi resumo celas montri la principojn, laŭ kiuj fervoja transportado de sendaĵoj nun povas okazi inter la plej multaj regnoj de Eŭropo. Multe da antaŭaj malhelpoj jam ĉesis, sed restas ja ankoraŭ kelkaj gravaj malfacilaĵoj. Unu el ili estas, ke tre granda nombro ankaŭ da fervojaj funkcistoj neniom aŭ nur tro malmulte komprenas la lingvojn ekskluzive permesatajn por transportdokumentoj kaj por korespondado pri sendaĵoj. Tio jam kaŭzis gravajn erarojn, embarasojn kaj eĉ perdojn. La internacia fervoja trafiko efektive bezonas facile uzeblan helplingvon.

Laŭ oficialaj publikaĵoj: *Jln.*

---

## La sep modernaj mirindaĵoj

II

*La radiotelegrafio*[1]

La radiotelegrafio, efektive, ŝajnas la plej mirakla el la modernaj mirindaĵoj; ĝia elpenso estas la glorindaĵo de la itala inĝeniero Marconi, kiu eltrovis ĝin je tiu sama aĝo kiam la studentoj lernas lecionojn kaj amuziĝas.

Marconi studis ĉe la universitatoj de Bologna kaj Padova. Li estis nur dekkvinjara, kiam li pasie ekstudis la misterojn de la Hercaj ondoj aŭ elektraj ondoj, kiuj povas trapasi la spacon sen la helpo de iu fadeno. En 1895, li apenaŭ dudekjara havas tiel vastajn konojn, ke li klarigas teorion pri la kapablo de tiuj ondoj, kiuj povas esti malproksimen projekciataj per radiatoro kaj impresi ricevaparaton aŭ koherilon. En la sama jaro li konstruis la unuan telegrafaparaton, kies efikanta kaŭzo lin mem mirigis.

Dank'al la impulso de Marconi, la radiotelegrafio fariĝis praktike uzata en mallonga tempo. Jam antaŭ 1895 la elektro-magnetaj ondoj estis eltrovitaj kaj ĉiulandaj homoj estis ilin eksperimentintaj, sed al Marconi prosperis demonstri, ke tiujn ondojn povas direkti la homo, ke ili povas servi por transsendi komunikojn de ŝipo al kontinento aŭ de kontinento al alia.

[1] Traduko de artikolo de S-ro F. Minturn Sammis, ĉefinĝeniero de la Sistemo Marconi por Usono.

En multaj rilatoj la vibraj ondoj, kiuj ebligas la radiotelegrafion, similas la ondojn de la lumo. Ili vojaĝas tra la spaco laŭ la sama rapidegeco de 186,330 mejloj po sekundo. Ekzistas kelkaj manieroj produkti tiujn ondojn, sed la plej ofte uzata estas la „metodo fajrero". Jen mallonge el kio ĝi konsistas: induka bobeno alttensia estas komunikigata kun elektra aparato, kies ondomovoj malproksimen projekciataj per radiatoro, impresas ricevaparaton aŭ koherilon, sur kiu ili reproduktos la konvenciajn signojn de la Morsa alfabeto.

Movante klavon de la manipulilo de la ordinara telegrafo, la operacianto produktas longe aŭ mallonge daŭrantan fajreron, kiu vibras tra la spaco. La fajrero produktas vibradojn pro sia oscila movado, aŭ, per aliaj vortoj, ĝi agas same kiel risorto ekstreme strečata kaj subite malstrečata. Ĝi vibras ĝis ĝia energio elčerpiĝis. Variigante la daŭron de la vibradoj, oni povas produkti pli aŭ malpli longajn ondojn. Per sistemo nomata oscila transformatoro, la vibradoj estas transmetataj de unua cirkuito al aera fadeno, je la supro de masto, čiam videbla el la posteno radiotelegrafia kaj efikanta je la fajrero kiel radiatoro en la vaporhejtado.

En la ricevposteno, la sama aera fadeno kaj transformatoro estas uzataj, sed anstataŭ la fajrero estas la koherilo. Tiu ilo konsistas, ču el lampo de speciala formo, ču el mineralo aŭ vegetaĵo, kiel la silicio aŭ la karbono. Kiel ajn ili estas konstruitaj, la koheriloj servas por krei intermitan fluon, kiu produktos la signojn senditajn de la transmetaparato.

Nuntempe la radiotelegrafio eniris en la čiutagan praktikon, kaj tamen tiu mirindaĵo estas ankoraŭ en la infaneca periodo. Marconi, čiam inklina al novaj elpensoj kaj fidanta al sia lerteco, baldaŭ komencos la instaladon de dek-unu grandaj stacioj, kiuj enretigos la tutan terglobon.

*La telefono*[1]

Science, la elpenso de la telefono aperas inter la jaroj 1874 kaj 1877. De 1873 kaj ĝis la komenco de 1876, mi loĝis en Salem (Massachusetts) kaj iris čiutage al Boston pro miaj profesiaj devoj. La libertempan sezonon mi pasigis en Kanado, če Brantford kaj Ontario. Tiel, en mia memoro, tiuj tri urboj, Salem, Boston kaj Brantford, estas ligataj je la eltrovo de la telefono. Boston estas fakte la patrujo de la telefono, čar en tiu či urbo oni fabrikis la aparaton kaj faris la unuajn gravajn eksperimentojn. Brantford estis loko por miaj meditadoj, kie mi pasigis la libertempon kaj revante je la estonteco de tiu eltrovo, refaris la eksperimentojn jam provitajn en Boston.

Mi deziras nepre deklari, ke kvankam mi estas la elpensinto de la telefono, la postaj progresoj estis faritaj de aliaj teknikistoj, kiuj okupiĝis pri tiu demando.

Dum la somero 1914, estante en Brantford če mia patro kaj diskutante kun li la multajn eksperimentojn de mi faritajn pri la reproduktado de la muziksonoj per la elektro, la fundamenta ideo de la telefono estis ellaborita. Tio estis teoria koncepto de l' magneto-telefono, la ideo, ke la voč-vibradoj povas produkti elektrajn vibradojn, kiel la aeraj ondoj. Verdire mi praktike ne kredis pri tio, sed teorie mi jam vidis parolan telefonon.

De mia reveno en Boston, je oktobro kaj dum la vintro kaj printempo 1875, mi, anstataŭ plibonigi kaj eksperimenti la aparaton, provis elpensi metodon por plifortigi la potencon de la elektraj ondoj. Tiam mi eltrovis, ke magneto-elektra fluo povas per si mem sonore efiki. Čiuj malfacilaĵoj, kiuj baris la vojon de la praktika solvo, malaperis. Plej primitiva estis la sistemo, kiun mi elpensis; ĝi konsistis el simpla membrano; la ricevaparato estis malnova modelo, fabrikita el kano. Mi aŭskultis če la aparato, dum mia kunulo S-ro Thos. Watson, en la subtera etaĝo de la domo, parolis al mi tra la telefona membrano. Mi devas konfesi, ke mi aŭdis nenion. Tiam ni interŝanĝis niajn lokojn: S-ro Watson aŭskultis dum mi parolis. Subite mi aŭdis, ke li kurante suprenirás la ŝtuparon; li estis eksterordinare ekscitita, kaj kriis al mi: „Sinjoro Bell, mi tre klare aŭdis vian vočon, mi povis preskaŭ kompreni kion vi diris!" Ha, kiel feliča mi estis! Kiel agrabla estis tia deklaro! Sed pli agrable estus, se mi ankaŭ povus aŭdi. La butiko, kie ni eksperimentis, estis tre brua loko, je kiu kutimiĝis S-ro Watson, tiel ke li povis pli bone aŭdi ol mi. Aliflanke, mi pli facile povis laŭtigi mian vočon. Li do taŭgis por aŭdi kaj mi por paroli. Hodiaŭ, la rezultatojn de niaj eksperimentoj oni konsiderus tre mizeraj; tamen, instigite de tiuj rezultatoj, mi tuj antaŭeniris kaj zorgis pri elpenspatento.

Ricevinte ĝin mi klopodis pri la reklamo kaj diskonigo. Oni kutime opinias, ke novajn elpensaĵojn la publiko facile akceptas, kaj ke eminentaj scienculoj estas malfacile konvinkeblaj. Pri la telefono mi konstatis la malon: la publiko kaj ĝenerale la aferistoj de la urbetoj ne estis inklinaj konfesi la valoron de la telefono, sed la sciencularo tuj akceptis ĝin.

Mia elpensaĵo estis montrita če la Filadelfia Ekspozicio dum 1876. Mi tiam tute ne havis ian komercan senton; cetere, mi ne estis aferisto, sed profesoro de voča fiziologio en Boston. Miaj lernantoj studis por fariĝi profesoroj de surdmutuloj; pro troa okupo kaj ekzamenperiodo, mi malfacile povis veturi al la ekspozicio. Iun dimančon mi tamen iris; mi tiam estis plene nekonata, kaj mi čirkaŭrigardis, kiuj famuloj priatentos mian elpensaĵon. Mi sekvis grupon, kiu iris de halo al alia; mia estis la lasta; la momento alproksimiĝis; subite, iu anoncis, ke la inspektado baldaŭ finiĝos, čar la vizitantoj estas tre lacaj. Tio signifis, ke la telefono ne estos ekzamenata; mi do decidis tuj reveturi en Boston. Subite, iu el la vizitantoj min rekonis; estis Dom Pedro, tiam imperiestro de Brazilujo. Mi estis iam lin interesinta, montrante kiel ni paroligas surdmutulojn. Vidinte min, li demandis: „Nu, Sinjoro Bell, kiel fartas la surdmutuloj de Boston? Mi respondis ke ili fartas bone, kaj aldonis, ke en la najbara halo mi elmontris novan elpensaĵon. „Venu", li diris, prenis mian brakon kaj marŝis antaŭen. Kompreneble la aliaj personoj sekvis la imperiestron, kiu alveninte prenis la aŭskultilon je unu fino de la fadeno; mi mem parolis. La personoj, kiuj staris flanke de la imperiestro, rakontis, ke subite li surpriztremis dirante: „Dio mia, li parolas!" Li demetis la aparaton, kaj tiam S-ro William Thomson, la fama angla scienculo, manprenis la aŭskultilon kaj siavice aŭskultis.

De tiu momento la telefono rapide progresis; la unua reciproka komuniko okazis en Boston je 1876. La saman jaron, la 9 oktobro, okazis la unua konversacio inter du personoj je pli granda distanco. Tio estis inter manufakturo de Cambridgeport kaj ĝia oficejo en Boston. La distanco ne estis tre granda, čirkaŭ du mejloj kaj duono, sed la komuniko estis tre klare komprenita.

*(Daŭrigota.)* Trad. *A. R.*



[1] Traduko de artikolo de S-ro Graham Bell, elpensinto de la telefono.

# ❀ NOTOJ ❀

∴ **Formigrado el Ruslando.** — En gazetoj jus aperis mallonga sciigo: centoj da familioj de kaŭkazaj duĥoboroj formigras Paragvajon; ili sekvas la ekzemplon de siaj kunfratoj antaŭ 16 jaroj formigrintaj Kanadon: pli ol 8000 homoj. La grandspaca Ruslando lasas foriri valorajn elementojn el tiom bela limlando, kiel Kaŭkazo. Ankaŭ en Siberio, Rusujo havas bonegajn regionojn koloniigeblajn kiel la baseno de la rivero Zeja aŭ Altaja regiono. Antaŭ 2 ĝis 3 jaroj jen kio okazis en Argentino:

La Rusoj loĝiĝintaj en ĝiaj nordaj ŝtatoj malkontentaj pri sia situacio komencis serĉi novajn lokojn por loĝado. La sudamerika respubliko tre alte ŝatas siajn rusajn enmigrintojn: tuj oni sendis agentojn pri migrado, aldonis teron, donacis novajn privilegiojn, subtenis ĉiumaniere. En Parizo mi renkontis la argentinan verkiston kaj socian agenton Benato. Li kun miro demandis min: „Kiel vi ne povis reteni hejme (preskaŭ triono de via lando estas ja tute senhoma!) tiajn mirindajn, sanajn, kapablajn, rezistemajn en malfacilaj entreprenoj kolonianojn, kiel viaj sektanoj, latvoj kaj estoj? Iliaj vilaĝoj estas kulturcentroj ĉe ni. Mi ne povas ilin taksi egale kun Italoj aŭ Germanoj. Italo amasiĝinte pli malpli grandan kapitalon, forveturas hejmolandon. Germano rapidas translokiĝi en la urbon. Nur rusaj enmigrintoj estas fidelaj al la tero. Iliaj infanoj fariĝas jam veraj Argentinanoj! La samo okazas en Brazilio. Generalo Kitaev, konanta tiun ĉi landon, entuziasme rakontadis, kiaj luksaj vilaĝoj estas konstruitaj tie de la kolonianoj, kiajn lernejojn ili starigis meze de l'bonfara vasteco de fruktodona Sudlando. Sed ĉu iliaj kampoj en Kaŭkazo estis malpli allogaj?

Nun legu sekvantajn liniojn el la letero de rusa transmigrinto, instruisto-pluganto el Corrientes, regiono najbara al Paragvajo, kien nun formigras la duĥoboroj.

„Al karaj gekunfratoj, koran saluton! Legis ni viajn leterojn kaj maldolĉe ploris. Kiom vi suferas en via egipta kaptiteco — sur niaj novaj lokoj ni eĉ pensi pri tio ne povas. Grandan dankon al nia Sinjoro: Li helpis al ni trovi homojn sur bona tero, kaj ni konstruis niajn domojn apud la iliaj. Se ni prosperos, ni tuj sciigos la karajn gekunfratojn; ne timu la fremdan landon. Ĝi estas pli afabla, ol la hejma duonpatrino. Ni sendos al vi letereton, kaj la tuta komunumo formigru. Plej bone — ĉiuj kune — amikoj kaj konatoj. Sur la nova loko aperos la sama vilaĝo kiel sur la malnova. Ni al vi helpos laŭpove. La najbaroj kvankam malsamlingvaj nin ŝatas kaj ĉiel favoras.... Oni laboras ĉi tie senmalhelpe. Oni povas vivi laŭdile, laŭprudente. Ĉiu mem trovas kaj scias siajn rajtojn ĉi tie.... La tero estas plej fruktodona, sed postulas multe da ŝvito. Antaŭ ĉio, oni bezonas venki la arbarajn barojn. Komence ni konstruis sur ebenajoj, kiel en nia Kaluga gubernio, sed tie malmulte da akvo estas: por serĉi la akvon per fosado ni havis nek fortojn, nek tempon. Tial ni proksimiĝis al la granda rivero nutranta la teron, ktp." — La aŭtoro de la letero estas instruisto en la nova kolonio. — Al ili alvenis el Buenos-Aires fraŭlino, bone scianta la hispanan lingvon. Ŝi transmigris Amerikon 5 jarojn pli frue ol tiuj ĉi kolonianoj. La junularo studas kun ŝi kaj baldaŭ ne sentos sin fremdlingva en la lando. — El *Russkoe Slovo*, trad. *A. Ŝarapov*.

∴ **Interesa biblioteko.** — En Konstantinoplo, en la templo de Sankta Sofio, troviĝas biblioteko, kiu nur antaŭ du-tri jaroj estis malfermita por fremduloj. La biblioteko estas fondita de Sultano Maĥmud (1142—1158); kaj ĝi estas la plej originala en la mondo; pri ĝia ekzistado ĝis nun ne sciis eĉ ĉiamaj loĝantoj de la turka ĉefurbo. La biblioteko sidas en malgranda konstruaĵo, iama kristana preĝejeto. En la konstruaĵo estas nur unu ĉambro. Ekstere la muroj estas kalkitaj, kaj interne ĉio estas ornamita per bela persa mozaiko. Kupola plafono estas farita el briko, kovrita per diverskolora emajlo. En la biblioteko estas nur du mil volumoj, kaj ĉiuj estas manuskriptaj; presitaj libroj mankas tute. Katalogo ne ekzistas kaj neniam ekzistis, ĉar tre malmultaj homoj povus tralegi tiujn ĉi antikvajn manuskriptojn, jam delonge kuŝantajn en polvo sur larĝaj bretoj. Grandegaj pakaĵoj de manuskriptoj, ligitaj per ŝnuroj kuŝas sur bretoj, forbaritaj de l'cetera ĉambro per ferfadena krado. Ĉi tie en la ĉambro staras ankaŭ ŝranko, enhavanta dekdu plej karajn manuskriptojn. La ŝranko havas aĝon de pli ol du mil jaroj; ĝi estas kovrita per perlamoto kaj prezentas tre maloftan kaj interesan ekzemplon de antikva arto. Multaj el la manuskriptoj estas skribitaj antaŭ tri mil jaroj kaj estas, sekve, tre multekostaj kaj maloftaj antikvaĵoj. Iaj el la manuskriptoj estas skribitaj per antikva klasika lingvo de praturkoj, loĝintaj en Turkestano. Ĉi tiun lingvon scias neniu krom kelkaj ĥivanoj-scienculoj, kiuj nur povas kompreni la manuskriptojn. En la biblioteko estas grandega volumo kaligrafie skribita kaj enfermita en oran bindon de mirinda artlaboro. Laŭ legendoj ĝi estas tatara poemo „Divan", skribita en 911 de fama tatara poeto Gussejn Biskara. Antaŭ kelkaj jarcentoj ĝin ricevis unu el turkaj sultanoj donace de persa ŝaĥo. La poemo estas skribita perslingve. Ĉiu paĝo estas ornamita per oraj figuroj kaj diverskoloraj bildetoj.

En la sama ŝranko estas ankaŭ du antikvaj sanskritaj manuskriptoj, donacitaj de la persa ŝaĥo al sultano Mahometo la Granda. Tie estas ankaŭ grandega manuskripto nomata „Nargaj", sur kies paĝrandoj troviĝas notoj, faritaj per la mano de Mohameto la Militulo. La pergamenaj folioj de „Nargaj" estas kolorigitaj kaj la anguloj kaj la randoj ornamitaj per oro kaj artaj figuraĵoj. La manuskripto, enhavanta la priskribon de l'stela ĉielo, havas unikan bindon el felo kun emajlo kaj inkrustacio el perleroj. Sed plej rimarkinda en la biblioteko estas grandega volumo „in folio", du tri metroj kaj duono je kvin. Ĝi estas skribita sur plej maldika pergameno. Ĝi estas kopio de traktato pri botaniko kaj medicino, nomata „Bazo de medicino". Oni diras, ke ĝia aŭtoro estas fama araba kuracisto, „princo de kuracistoj" Aviksen. La libro enhavas tricent paĝojn kun ilustraĵoj de ĉiuspecaj bestoj kaj kreskaĵoj. La ilustraĵoj estas faritaj tre arte, peneme kaj precize. La kopion de tiu ĉi traktato havas preskaŭ ĉiu granda eŭropa biblioteko, sed la konstantinopola kopio estas la plej bela, plej riĉe ornamita el ĉiuj. — Trad. *D. Vigodskij* (Del. Homel).

∴ **La matematikaj signoj.** — Ni ĉiutage ilin uzas, kaj kiu inter ni vere bone konas ilian devenon? Por esprimi adicion, oni komence uzis la latinan vorton „plus", sed iom post iom kaj por simpligi oni skribis nur literon P, kiu tre ofte tro rapide skribita havis formon de kruceto, kaj fine oni alprenis tiun signon +.

La signo de subtraho ankaŭ devenas de la latina vorto „minus". Oni skribis „mus", kun streketo super la vorto por montri mallongigon. Fine oni preterlasis la literojn, kaj oni konservis nur la streketon.

Origine oni montris dividon metante la dividoton supren de horizonta linio kaj la dividonton malsupren. Sed tio okupis tro multe da loko en la presitaj verkoj. Oni metis la dividoton maldekstren kaj la dividonton dekstren, ilin apartigante per du vertikalaj punktoj.

Por la multobligo, oni disigis nur per unu punkto la obligoton de obligonto. Sed tio enkondukis erarojn aŭ forgesojn, kaj, ĉar oni estis elektinta la signon de la greka kruco por „plus", oni uzis la signon de l'kruco de Sankta Andreo por montri la obligon.

La uzado de tiuj signoj estis enkondukata nur dum la XVa jarcento kaj ĝeneraliĝis konsekvence de la eltrovo de l'presado. — *L. P.* (L.)

∴ **Geografia Kongreso.** — La nacia Kongreso de la francaj societoj de geografio okazos en *Brive* (Corrèze) la 16-26 julio 1914. La dimanĉon 26 julio, S-ro Etienne, eksministro de la milito, prezidos la ceremonion de la starigo de statuo al kolonelo Germain, esploristo (Congo-Nilo). — *F. S.*



# LITERATURO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

D-ro *L. L. Zamenhof*. — **Deklaracio pri homaranismo.** Eldonejo de „Homaro", Pasaje del Comercio, 8, Madrid, Hispanlando. — Prezo po dek ekzempleroj: Fr. 0. 50 (Sm. 0. 20).

Tiu mallonga 15-paĝa libreto entenas, kiel en ĉiuj Zamenhofaj originalaĵoj, multe da altanimaj pensoj. En tiu deklaracio Zamenhof prezentas sian politika-religian kredon; ĝi estas dividita en dek paragrafoj. La du unuaj paragrafoj difinas la sintenon de adepto de homaranismo kontraŭ la aliaj homoj: la homaron li devas konsideri kiel nur unu familion; li taksas ĉiun homon aparte nur laŭ lia persona valoro kaj agoj. La tri sekvantaj paragrafoj rilatas al la nacio; oni ne devas identigi nacion al gento: lando apartenas egale al ĉiuj siaj „loĝantoj", kian ajn supozatan devenon, „lingvon, religion aŭ socian rolon ili havas"; pro tio la nomo de lando ne devas esti genta, sed nur neŭtrale-geografia. Tiel same ne devas ekskluzive kaj perforte regi en unu nacio nur unu lingvo: „ĉiu homo havas plenan kaj nedisputeblan rajton paroli tiun lingvon aŭ dialekton, kiu estas al li plej agrabla"; tiu lingva diverseco ne estas maloportuna, ĉar ĉiu posedas ankaŭ lingvon neŭtralan. En la sesa kaj postaj paragrafoj estas pritraktita la sinteno de internaciulo rilate al patrujo: la kondiĉoj de l'paco estas la alkutimiĝo, starigi la homecon super la genteco, konsideri kiel patrolandon la precizan landon en kiu ni naskiĝas, kompreni ke patriotismo ne estas malamo kontraŭ alihejmuloj; „lingvo devas esti por la homo ne celo, sed nur rimedo, ne disigilo, sed unuigilo"; nur pro nenormalaĵo ĝi fariĝis kaŭzo de malamo; ĉiu nacia, provinca lingvo restas en sia sfero, ĉar ni devas posedi „tiun neŭtrale-homan lingvon, kiun niaj samtempuloj uzas por rilatoj intergentaj". La lasta paragrafo traktas pri la hipotezoj de homarano rilate al universo, t. e. pri la religio. Religio postulas sinceran kredon; ĝi kuŝas en la konscio de l'esto de la nekomprenebla forto, „kiu estas la kaŭzo de la kaŭzoj en la mondo materia kaj morala"; tiun forton „mi povas nomi per la nomo Dio". La esenco de religio kuŝas en la koro, kaj ĝia ĉefa principo estas: „agu kun aliuloj tiel, kiel vi dezirus, ke aliuloj agu kun vi"; ĉio alia estas nur aldonoj. Kiam homarano ne kredas al iu ekzistanta religio, li devas malkaŝe sin nomi liberkreda, „ne identigante tamen la liberkredon speciale kun ateismo". Li devas aliĝi, kiam ekzistas unu en lia loĝloko, al liberkredulaj komunumoj „oficiale kaj heredigeble", akcepti iliajn komunajn aranĝojn kaj nedevigajn neŭtralehomajn festojn kaj morojn.

La ideoj esprimitaj en tiu deklaracio estas sendube sen ia dependo al nia afero, eĉ ne al la interna ideo; ĝi estas tute eksteresperanta, kiel pri tio insistegas Zamenhof en antaŭparolo. „Dum la esenco de Esperanto estas plena *neŭtraleco* kaj la esperantisma ideo prezentas nur nedifinitan fratecan *senton* kaj *esperon*, kiujn nature naskas la renkontiĝado sur neŭtrala lingva fundamento kaj kiujn ĉiu Esperantisto havas plenan rajton ne sole komentarii, al si tiel, kiel li volas, sed eĉ ĝenerale akcepti aŭ ne akcepti ilin — la Homaranismo estas speciala kaj tute difinita politika-religia programo, kiu prezentas mian kredon pure *privatan*, kaj la aliajn Esperantistojn tute ne koncernas." Homaranismon oni do ne devas intermiksi kun Esperanto kaj Esperantismo. Sed tio ne malhelpas, ke la Esperantistoj legu kun respekto kaj eĉ admiro, kiaj ajn estas iliaj opinioj, tiun mallongan verketon; ni efektive scias tre bone ke ĉio, kio eliras el la Zamenhofa cerbo estis longe prilaborata, kaj ni devas esti dankemaj al la homoj, kinj al ni liveras malavare la rezultatojn de siaj pensa vivo kaj eksperimento. Tiun verketon ni devas admiri pro la sincereco de l'esprimitaj ideoj, la profundeco de l'pensoj, la senlaca, konstanta fervoro laŭ kiu Zamenhof pensas atingi la celon, al kiu li almarŝis jam de sia juneco.

* * *

*Petro Stojan*. — **Universala slipa enciklopedio.** — Librejo Esperanto, Lubjanskij projezd 3, Moskvo.

La unua slipo de tiu enciklopedio entenas artikolon de S-ro Stojan pri la estonteco de la slipa enciklopedio; — la dua, resumon de la kinematika teorio pri la tempo; — la tria, la „Espero"-n; — kaj la kvara, studon pri la internacia transskribo de la propraj nomoj. Kompreneble, tiuj studoj estas tre koncizaj kaj iom ĝeneralaj pro la manko de loko. S-ro Stojan, anstataŭ supersigni la literojn, ilin postsekvigis de apostrofo. Sed ĉar ĉiuj Esperantaj libroj en Rusujo estas presitaj laŭfundamente, oni rajtas pensi, ke S-ro Stojan tiel faris nur pro reformemeco. Kial senbezone tedeti la legantojn, kiam estus tiel facile plaĉe konduti al ili, uzante laŭkutime la supersignitajn literojn?

* * *

**Orienta almanako,** kun antaŭparolo de *B. Kotzin*. — Librejo Esperanto, 3, Lubjanskij projezd, Moskvo, Ruslando. — Fr. 2. 40 (Sm. 0. 95) afr.

Tre interesa, kurioza kaj korekta estas tiu kolekto de literaturaĵoj el plej diversaj orientaj lingvoj. La pecoj estas ĝenerale trafe elektitaj, kaj ŝajnas prezenti fidelan bildon de la literaturoj hebrea, ĥina, japana, ktp. Ofte en niaj naciaj tradukoj, la tradukitaj pecoj estas la plej „okcidentecaj" el la orientaj literaturaĵoj, kaj tial ili ne malkovras al ni la specialan aspekton de la orienta pensomaniero. Tiu kolekto, kontraŭe, estas vere orienta, ĉar la elektintoj kaj tradukintoj estas orientuloj kaj pro tio povis pli intime senti kaj nuance traduki la naciajn apartaĵojn.

Tiu zorge verkita libreto estas tute rekomendinda.

* * *

**Travivaĵoj de Ro-Ŝo,** originale verkita en Esperanto de *Richard Sharpe*. — British Esperanto-Association, 133—136, High Holborn, London W. C. — Prezo: Fr. 1. 90 (Sm. 0. 75).

La temo de tiu 93-paĝa originalaĵo estas la ŝerca biografieto de Ro-Ŝo. La spritecon de la verkaĵo ĉiu povos mem prijuĝi per tiu ĉi eltranĉaĵo:

„Foje mi fiŝkaptis sur lago malproksima de la farmbieno je 20 mejloj, granda fiŝo subite fortiris el mia mano stangon, mi tuj ĵetis min en la lagon, savis la stangon, donis al mia patro, kaj senhelpe per akrobata movado ree eniris la boaton. La fiŝon mi fine kaptis, kaj poste mi remis teren, kaj albordigis la boaton ĉe la elfluo de la rivero."

Vi povas per tiu specimeno sciiĝi, ĉu la rakonto amuzos vin. Se ĝi vin amuzos, ĝin aĉetu! Se ne, la libro estas tamen aĉetinda, unue ĉar la stilo estas korekta kaj la aŭtoro „penis eviti nezamenhofajn vortojn aŭ esprimojn, por faciligi, kiom eble, por legantoj la komprenon", due ĉar la tuta profito estos fordonata al la porblindula afero.

* * *

**Fabrikado de l'metala skribilplumo** laŭ broŝuro eldonita de Heintze kaj Blanckertz. Georgenkirchstr. 44, Berlin.

Estas rakontata en tiu verketo la historio de l'skribilo, de la egipta skribilo ĝis al la nuna. Zorge presitaj kaj elektitaj bildoj ornamas la libreton.

* * *

*P. Simon*. — **La vitraĵoj de la Katedralo de Reims,** kun dekkvar ilustraĵoj. Franca kaj Esperanta tekstoj.

Tiu libreto estas bele presita; la traduko de S-ro Laignier estas korekta. Speciale interesa por universitataj profesoroj, studentoj, artistoj kaj arkeologoj, kaj ankaŭ ĝenerale por amantoj de la belo, ĉi tiu broŝuro estas senpage sendata de la aŭtoro (S-ro M. Laignier, 59, rue Libergier en Reims, Marne, Francujo) al kiu ajn ĝin mendos per ilustrita poŝtkarto, kies bildo prezentu artverkon aŭ monumenton aŭ eĉ pli bone detalon de monumento. *Vertido*

# Bileto de blankbarbulo

*Nia vivo estas agado.*

*Unufoje ne estas kutimo!*

*Kiel „Bileton de Blankbarbulo“ mi deziras hodiaŭ publikigi tie ĉi, — por ke ĝi aperu samtempe, — la artikolon, kiun mi skribis por la februara kajero de „Lingvo Internacia“.*

*Kial?*

*Tion facile komprenos niaj fidelaj legantoj.*

* * *

*„Senĉese kaj senlace, ĝis kiam ĉiuj komprenos nian vidpunkton, ni ripetos kaj ripetos, ke por ni ne celo estas internacia lingvo, sed ilo.*

*Vere! estas strange, ke kelkaj protestas kaj eĉ koleras, ĉar ni rifuzas diskuti en* nia *gazeto iliajn reformproponojn, iliajn kripliĝaĵojn, iliajn eltrovojn. Laŭ tute „logistika“ rezonado, ili eĉ kulpigas nin pri nelojaleco tial, ke ni ne akceptas en nian Esperantistan gazetaron artikolojn pri aŭ en ilia mirinda lingvaĵo!*

*Sed, karaj sinjoroj, kion vi do opinius pri la Anglo, ekzemple, kiu volus trudi al franca revuo ian sian projekton pri franca lingvo plibonigita, kaj indignus kontraŭ redaktistaro al li konsilinta, ke li fondu mem aŭ uzu propran gazeton kaj petinta de li, ke, irante sian vojon, li lasu ĝin trankvila!*

*La Anglon vi verŝajne malaprobus, kvankam sammaniere vi agas. Skribi en viaj gazetoj ni ne deziras, ĉesu do postuli de ni gastemecon, kiun al vi ni tute ne ŝuldas kaj prave rifuzas.*

*Viaj adeptoj, se vi havas, sufiĉu al vi, kaj permesu, ke anstataŭ diskuti nian lingvon ni ĝin uzu por nia kaj homara utilo, por nia kaj homara plezuro.*

*Ni ne „faras“ lingvon; ni „havas“ lingvon!*

*Knabo ludas kun muelilo, ĝin riparas, detruas, rekonstruas. Sian ĝojon li trovas en tio, ke ĝi pli malpli rapide turniĝas, kvankam vane, antaŭ liaj okuloj.*

*Sed ni, ne en la movado mem de pli malpli perfekta ilaro nian ĝojon serĉas, ne!... la bonan blankan farunon ni volas, liveratan de l' muelŝtono, ĝin ni ŝatas, ĉar ĝi estas nutraĵo por la agado, nutraĵo por la vivo.*

*Ludu vian ludon, sinjoroj teoriistoj kaj ĉiuspecaj „logistikistoj“, kaj ne indignu, se, viroj, por la agado ni volas vivi,* kaj per ĝi.

Th. Cart.

P. S. *Okaze de mia lasta Bileto „Por la Blinduloj“, legantoj petis de mi konsilojn pri la starigo de* Protekta Komitato.

*Jen nia Pariza Regularo, kiu povas esti pli malpli sekvota modelo:*

Protekta Komitato de Esperantistaj Blinduloj.

*1. Okaze de l' Internacia Kongreso de Esperantistaj Blinduloj, kiu havos lokon en Parizo dum Aŭgusto 1914, estas fondita Protekta Komitato de Esperantistaj Blinduloj.*

*2. La celo de tiu ĉi Komitato estas faciligi al la Blinduloj la lernadon de* Esperanto, *kiu havigas al ili altvaloran distraĵon, alportas al ili grandan ĝojon, plivastigante ilian horizonton ĝis la blinduloj de plej malproksimaj landoj kaj, jam nun, faras al ili grandan servon, tial ke, dank' al ĝi, ili povas per reciprokaj sciigoj kunlabori internacie por la plibonigado de ilia sorto.*

*3. La Komitato konsistas nur el protektantaj sinjorinoj, de kiuj oni petas antaŭ ĉio kaj precipe la moralan apogon de ilia nomo kaj de ilia simpatio.*

*4. La titolo de* Protektantino *kunportas kun si neniun kotizaĵon, nek ian ajn specialan devon, se ne, ke oni interesiĝu al la progreso de Esperanto en la tiel kortuŝanta mondo de la Blinduloj.*

*6. Tiun ĉi progreson oni konigos al la protektantaj sinjorinoj per paroladoj aŭ cirkuleroj.*

Th. C.

---

## KRONIKO

### Aŭstrio-Hungario.

*Arad:* Nova kurso kun 45 anoj; instruas S-ro Aladaro Fodor. — *Budapest:* S-ro librovendisto L. Kokaj malfermis konkurson inter la lernantoj de la artindustria lernejo por desegno de Esp. propaganda marko. Okaze de tio, S-ro R. Rajczi faris en la halo de la artindustria lernejo paroladon antaŭ multnombra aŭskultantaro. — Dank'al la klopodoj de S-ro J. Glancz, la gimnazioj akceptis Esp. kiel instrufakon. La 23 februaro S-ro Glancz faris tre aplaŭditan paroladon, kaj estas elektita prezidanto de la Esp. rondo, kiu havas 53 anojn. — *Capodistria:* La 25 februaro S-ro A. Camuffo, prezidanto de „Esp. Studenta Rondeto“, faris antaŭ multaj studentoj sukcesan paroladon. — *Kispeŝt:* Okazis bonege sukcesinta vesperfesto; ĉeestis pli ol 150 personoj, i. a. gastoj el Budapeŝto. S-ro A. Giesswein faris entuziasmigan paroladon. — *Petrozsény:* S-ro L. Jámbor malfermis la duan kurson destinatan speciale al komercistoj; 20 membroj. — *Strakonice:* Okazas kurso kun 20 anoj. — *Szabadka:* S-ino Etelka de Ŝator gvidas kurson kun 50 partoprenantoj. — *Szekesfehervar:* La laborista grupo aranĝis sukcesan unuan tevesperon. — *Trieste:* S-ro Erismann gvidas novan kurson kun 20 lernantoj. — *Ungvár:* S-ro D-ro R. A. J. de Szöke, Del., sukcesis akiri la direktoron de l'Ŝtata Argil-industria Faklernejo por Esp., tiel, ke li permesis ĝian instruadon en la lernejo.

### Britujo.

*Accrington:* La 24 januaro okazis la 24a kvaronjara kunveno de la Lancashire kaj Cheshire Federacio Esp. Nova kurso estas malfermita kun 12 anoj; gvidas S-ro S. Kirkbright. — *Battersea:* S-ro G. J. Cox faris la 14 februaro bonsukcesan paroladon ĉe la St. John's Training College. — *Bolton:* La jara kunveno de la grupo okazis la 5 februaro; La raportoj de la sekretario kaj kasisto estis kontentigaj. — *Colne:* Nova grupo fondiĝis en fino de januaro. — *Halifax:* La lastan monatan kunvenon vizitis ĉirkaŭ 30 membroj. — *Harrogate:* La jara kunveno de la grupo okazis la 21 januaro en Eaven's Business School. Kiel prezidanto estas elektita S-ro E. Fenton; la diversaj raportoj montris kontentigan staton de la grupo. — *Nottingham:* La 28 januaro la loka societo aranĝis familian kunvenon en la Mikado-kafejo. Ĉeestis pli ol 100 personoj. — *St. Helens:* La ĉiujara festo la 7 februaro okazis kun bona sukceso. Pli ol 150 personoj partoprenis.

### Bulgarujo.

*Harmanli:* S-ino M. Bakalova faris paroladon pri Esp. movado. Multaj personoj nun eklernas Esp. — *Haskovo:* S-ro Vaĉev malfermis kurson. — *Rustĉuk:* S-ro Malĉev gvidas kurson.

### Francujo.

*St-Etienne:* La 23 februaro S-ro Krestanof parolis pri Bulgarujo. S-ro Sebastier resumis france. — *Valence:* La 25 februaro S-ro Krestanof faris paroladon pri Bulgarujo, france resumis S-ro A. Mège.

### Germanujo.

*Aachen:* S-ro Hölscher faris du lumbildparoladojn pri sia vojaĝo al Svisujo kaj Italujo. — *Godesberg:* En la ĉefkunveno de la 2 februaro la estraro estis reelektata. — *Bromberg:* Nova kurso. — *Hamburg:* En la ĉefkunveno de la Laborista Grupo oni reelektis la estraron. Oni kolektis dum la kunveno pli ol 76 markojn por propaganda celo. — *Halle a. S.:* S-ro Schmiedeberg el Delitzsch faris paroladon la 17 januaro. — *Hannover:* La 7 februaro S-ro P-ro D-ro Ledermann el Augsburg faris propagandan paroladon. — *Heidelberg:* S-ro D-ro Mulert, el Hemsbach, faris bonsukcesan paroladon en la bontemplana rondo. — *Königshütte a. S.:* La

11 januaro la grupo aranĝis ekskurson per glitveturiloj al Tarnowitz. Karnavala festo kun teatraĵoj okazis la 15 februaro. — *Offenbach:* Okazas nun kurso ĉe bontemplanoj; 10 anoj. — *Rheine:* La dua fondiĝfesto de la grupo okazis la 11 januaro kaj estis vizitita de ĉirkaŭ 60 personoj. — *Stuttgart:* La grupo „Esperanto-Stelo" aranĝis la 25 januaro familian vesperon kun riĉa kaj interesa programo. La salutparoladon faris S-ro P-ro Christaller. — *Zittau:* La 21 februaro okazis publika amuza vespero.

**Italujo.**

*Bologna:* La nova ĉiutaga gazeto „Piccolo Corriere" aperigas ĉiutagan rubrikon pri Esperanto. — *Genova:* Esperanto estas instruata ĉe la teknika-komerca lernejo Giambattista Baliano. — *Terni:* La 14 februaro la klubo aranĝis grandan dancvesperon kun loterio. Ĉeestis pli ol 300 personoj. — *Torino:* S-ro Cesare Cadario gvidas kurson ĉe la Reĝa Blindulejo.

**Rumanujo.**

*Jaŝi:* S-ino Vivoski-Dolores faris la 21 februaro paroladon ĉe Kinema Pathé-Frères. Favoraj raportoj aperis en la lokaj ĵurnaloj.

**Rusujo.**

*Batum:* En la urba lernejo okazas dufoje en la semajno kurso vizitata de 35 personoj. — *Ivanovo-Voznesensk:* La 15 februaro, okaze de ĝenerala kunveno de la „Verda Stelo", S-ro Kuznecov faris paroladon; aliĝis 29 personoj. — *Lodz:* La loka gazetaro nun favore rilatas al nia afero. En „Nowa Gazeta Lodzka" aperas ĉiusemajne priesperanta rubriko. — *Serpuĥov:* Multvizitataj kursoj okazas dufoje en semajno. — *Vilno:* La ĉiusemajnaj familiaj dancvesperoj, organizataj de la loka Societo, nun fariĝis tre konataj kaj altiras multe da publiko — pli ol cent personoj ĉiufoje.

**Svisujo.**

*Genève:* Dum la februaraj kunvenoj de la Nova Esp. Klubo okazis la jenaj paroladoj: Pri la historio de la stenografio, de S-ro H. Jakob; Rememoroj pri Stuttgart, de F-ino A. Ring; du grandaj geniuloj de la moderna scienco, de S-ro E. Mallet, kaj vizito al la insulo Oleron, de S-ro Chatelain.

**Ameriko.**

*Boston* (Mass.): La klubkunvenon vizitis du fremdaj samideanoj S-ro Garcia el Katalunjo, kaj S-ro Flikop el Rusujo. Oni uzis nur Esperanton dum tiu interesa kunveno. — *Fresno* (Kalifornio): S-ro McNeece instruas klason de 6 anoj. — *Hood River* (Oregon): Nova kurso gvidata de S-ro G. J. Howe kun 8 anoj. — *Pittsburgh* (Penna): La Esperanta Fako de la Akademio nun havas 95 membrojn. — *Portland* (Me): Okazis tre ĝoja vesperfesto. La Societo enhavas pli ol 60 anoj kun „Progresa Rondo" de 20 gejunuloj. — *Wichita* (Kans.): La Esperantistoj nun organiziĝis, kaj antaŭ nelonge okazis kunveno en la altlernejo. La Estraro de Edukado permesis la uzadon de klasĉambro por la laboro.

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Kvina Kongreso de la Provenca Federacio

Jen la programo de tiu Kongreso, kiu okazos en *Cannes* (Sud-Francujo) kun la helpo de la urbestraro:

*Sabato 18 aprilo,* 20 h. 30. Kunveno de la delegitoj.

*Dimanĉo 19 aprilo,* 20 h. 30. Kunveno ĉe la sidejo de la Federacio. 10 h. 15. Oficiala akcepto ĉe la urbodomo. 11 h. Apertivo. 11 h. 45. Festeno. 13 h. 30. Ekskurso al insuloj de Lérins. 17 h. Teo prezentita de la Grupo de Cannes. 21 h. Popola balo, aranĝita de la urbestraro okaze de la Kongreso.

*Lundo 20 aprilo.* Promenado al Grasse.

Kongreskarto (rajtiganta al ĉiuj aranĝoj) fr. 6.50. Ĝis la 16 aprilo, estos ankaŭ kartoj je fr. 5 sen la ekskurso. Ĝis la 19 aprilo simplaj kartoj (sen la festeno kaj ekskurso) fr. 1.

Por ĉiuj informoj sin turni al S-ro Salmon, 20, rue des Vallergues, Cannes (Alpes-Maritimes, Francujo).

## Naŭa Germana Esperanto-Kongreso

De la 30 majo ĝis 3 junio (Pentekosto) okazos en *Leipzig* la 9a Germana Esperanto-Kongreso sub la honora prezidanteco de la plej altrangaj reprezentantoj de reĝaj, urbaj kaj militistaj registaroj. La programo estas la jena:

*Sabato 30 majo,* 10. Ekzameno de G. E. A. — 1a estrara kunsido de G. E. A. — Ekzameno de la Saksa Esperanto-Instituto. 19 h. 30. Akcepto de la kongresanoj en hotelo Sachsenhof.

*Dimanĉo 31 majo,* 11 h. Malferma kunsido kun festa parolado en Buchgewerbe-Haus. Festmanĝo en la „Bugra". 18-20 h. Distrikta kunveno de UEA en la „Bugra"; poste kunveno en la ĝardeno de la ĉefa restoracio (kun prezentaĵoj).

*Lundo 1 junio,* 9 h. 2a estrara kunsido de G. E. A. 10 h. 30 ĝis 13 h. 1a labora kunsido de G. E. A. en la „Bugra". 15-17 h. Ĉefkunveno de la Saksa Ligo kaj Saksa-Turinga Ligo. 17-19 h. 2a labora kunsido de G. E. A. 20 h. Amuza vespere en la „Bugra".

*Mardo 2 junio,* 9 h. 3a estrara kunsido de G. E. A. 10 h. 30. 3a labora kunsido de G. E. A. 20 h. Publika propaganda parolado en la Gutenberg-halo.

*Merkredo 3 junio,* posttagmeze. Ekskurso al Zwenkau.

Adreso de la Kongreso por ĉiuj sendaĵoj: *Esperanto-Kongreso Leipzig, Johannisplatz 3.*

## Kunveno de UEA en Leipzig

En Leipzig, la urbo, en kiu nunjare okazas la Internacia ekspozicio por librometio kaj grafikaj artoj kaj kie kunvenas en la Pentekostaj tagoj Esperantistoj el ĉiuj partoj de Germanujo por festi sian IX-an Germanan Esperanto-Kongreson, ankaŭ nia UEA havos sian kunvenon. Dimanĉon, la 31 majo, je 18 h. okazos en salono de la ekspozicio la *Distrikta Kunveno por Saksujo,* por kiu per tio estu invitataj ĉiuj la kongreson ĉeestantaj Esperantianoj, sed en kiu ankaŭ ĉiu alia Esperantisto estos kore bonvena kiel gasto. La ĉefparoladon de la kunveno afable prenis sur sin la Direktoro de UEA, S-ro H. Hodler. Lia temo estos *Estanteco kaj estonteco de Esperanto.* La temo elektita kaj la nomo de la parolonto certigas, ke la kunveno estos interesega. Do: ĝis la revido en Leipzig.

*Johannes Karsch* (DD. por Saksujo)
Dresden-A., Dürerstr. 15.

# DEKA KONGRESO DE ESPERANTO

**Parizo, 2-10 aŭgusto 1914**

Por ke la „Deka" bone sukcesu, estas nepre necese, ke la Organiza Komitato sciiĝu, kiel eble plej baldaŭ, pri la nombro de la Kongresanoj.

Pro tio, tuj konigu al la Komitato vian aliĝon laŭ jena adreso:

DEKA KONGRESO DE ESPERANTO, 3, place Jussieu, PARIS, France.

Kune sendu vian kotizon per poŝtmandato, ĉeko aŭ transpagilo.

**Atentu!**

*Ĝis la 1 junio 1914, tiu kotizo estas 15 frankoj* (10 frankoj por familianoj: edzino kaj infanoj).

*Post la 1 junio 1914, tiu kotizo estos 25 frankoj* (20 frankoj por familianoj).

Eĉ se vi ne estas certa, ke vi povos veni al la Kongreso, tamen *tuj aliĝu,* ĉar se vi ne ĉeestos, oni repagos al vi vian antaŭpagitan kotizon, deprenante nur unu frankon por oficejaj elspezoj. Sufiĉos, ke vi tion petos, sendante vian provizoran karton, antaŭ la 1 aŭgusto 1914.

Sekve, nenion riskante, vi ricevos grandan profiton, se vi aliĝos

antaŭ la 1 junio 1914. Sed vi ricevos pli grandan profiton, se vi aliĝos kiel eble plej baldaŭ, ĉar *la ĉiumonatan Kongresan Gazeton, ĉiu kongresano (escepte la familiano) ricevos senpage nur depost la tago de sia aliĝo.*

La unua numero aperis la 1 januaro 1914, kaj ĝin ricevis nur la Kongresanoj, kies aliĝojn ni estis ricevintaj *antaŭ la 31 decembro 1913.* Ĉar ni presigos precize la sufiĉan nombron da ekzempleroj, al Kongresano kies aliĝon ni ricevos ekzemple en marto, ni sendos la Kongresan Gazeton nur de la 1 aprilo.

*Rimarko:*

Se vi havas presitan aliĝilon, uzu ĝin por sendi vian aliĝon; tio estas preferinda, sed ne necesa.

*La Organiza Komitato de la Deka.*

* * *

.·. **Fervojaj rabatoj.** — Ni havas la plezuron anonci, ke la klopodoj por rabato ĉe la francaj fervojaj kompanioj plene sukcesis. El tio sekvas, ke la vojaĝo al Parizo kun reiro, sur la ses francaj fervojaj retaroj (Nord, Est, P. L. M., Orléans, Midi, Etat), estos por ĉiuj gekongresanoj malaltigita je rabato de 50 %. Dank'al tio la vojaĝo al Parizo estos senteble malplikarigata.

.·. **Hoteloj.** — La Komitato sukcesis ricevi tre malkaran dormejon por *sinjorinoj* aŭ *fraŭlinoj*. Ĝi enhavas 4 ĉambregojn po 20 litoj, do sume 80 litojn. La prezo estas por la nokto kun la matenmanĝo (teo, ĉokolado aŭ kafo) Fr. 1. 50. Se oni deziras viandon en la matenmanĝo, oni pagas ĝin krome. Ni devas aldoni, ke tiu dormejo ne sidas proksime de la Kongresejo, sed la tempo necesa por iri per tramvojo de unu al la alia estas nur 25 minutoj. Oni rezervigu al si jam de nun unu liton, aŭ pli, en tiu dormejo, ĉar nur la 80 unuaj mendintinoj estos kontentigitaj. Direktu la petojn al la Organiza Komitato.

.·. **Teatro.** — Oni memoras, kiel certe kaj fajre, dum la Kvina, la Barcelona Aktoraro „kreis“ la Esperantan „Mistero de Doloro“. La Organiza Komitato interkonsentis kun la sama aktoraro, kiu ludos dum la Deka, je poste fiksotaj datoj. Ĉi tiun fojon klasikaĵon ludos la realistaj artistoj de Adria Gual, nome „Georgo Dandin“ de Molière, en la traduko verkita de nia Majstro. Nedubeble estas, ke la pure Esperanta elparolado kaj perfekta metikapablo de niaj Katalunaj aktoroj igos la prezentadon de „Georgo Dandin“ granda propaganda festo kaj kortuŝanta soleno de beleco kaj arto.

.·. **Oratora Konkurso.** — Same kiel en Bern, okazos Oratora Konkurso. Povos partopreni en ĝi ĉiu kongresano, post aprobo de la juĝantaro. Povos ĉeesti ĝin ĉiu kongresano. Vidu la regularon en la *Kongresa Gazeto.*

.·. **Komercistoj kaj industriistoj.** — En la Ekspozicio estos speciala fako por la komercistoj uzantaj la lingvon Esperanto sur siaj katalogoj aŭ komercaĵoj; la akcepto de la komercaĵoj kaj katalogoj estas senpaga en tiu propoganda fako. Apud la Propaganda Ekspozicio estos bela Vendejo, kie ĉiu firmo povos vendi Esperantajn komercaĵojn; la akcepto de la komercaĵoj ne estas senpaga en tiu komercejo. Petu de nun la regularon de S-ro C. Rousseau 4, place de la République, Levallois-Perret (Seine).

.·. **Por la korespondado.** — Se vi volas, ke viaj sciigoj aŭ petoj tuj trafu la organizantojn, vi uzu la telegrafan adreson de la Kongreso, direktante vian telegramon al „Esperanto-Paris“. Pro kaj por la leteroj, kiuj temas pri multaj punktoj, jen la sekvata metodo: por ŝpari tro grandajn poŝtelspezojn, la Komitato ĉiumarde kunvenas, kaj tie ĉiu „fakestro“ ekricevas la lin koncernantajn leterojn. Tio klarigas al la sendintoj, kial letero ne estas tuj respondata: se ĝi alvenas ekzemple merkrede, ĝi devas atendi ses tagojn. Kompreneble urĝajn leterojn oni tuj respondas. Por eviti malfrueton, vi disponas la rimedon: vi traktu nur unu aferon en unu letero (aŭ kelkajn aferojn en unu letero, sed po slipo).

.·. **Oficialaj monhelpoj.** — Post raporto de S-ro Bellan, la Ĝenerala Konsilantaro de la departemento Seine voĉdonis monhelpon da 500 Frankoj. Aliparte la Urba Konsilantaro de Parizo voĉdonis monhelpon da 1000 Frankoj.

.·. **Kongresanoj.** — Ĝis la 25 februaro la nombro de la aliĝintaj kongresanoj atingis *1333*, inter kiuj 569 el Francujo, 248 el Britujo, 149 el Germanujo, 69 el Aŭstrio, 62 el Hispanujo, 52 el Belgujo kaj Rusujo, 22 el Svisujo, 19 el Hungario, ktp.

Oni senprokraste sendu la kotizaĵon; 15 Fr. (10 Fr. por familianoj) al Kongreso de Esperanto, 3, place Jussieu, Paris.

.·. **Afiŝo, poŝtkarto, glumarko.** — La poŝtkartoj kaj glumarkoj reproduktas la afiŝon, kiun verkis S-ro Agache. Ĝi montras en sunsubira lumo, orientan, ekdormantan parton de Paris. Oni vidas maldekstre parton de la Eiffel-turo, en la mezo la riveron Seine, dekstre la arbojn de la bordo kaj la du turojn de Trocadéro. La tuto faras artan impreson. Presitaj estas 5000 afiŝoj, 50.000 poŝtkartoj kaj 100.000 glumarkoj.

La afiŝoj kostas po Fr. 1. 50 (inkluzive sendkostoj).

Por kolektantoj oni vendas du apartajn seriojn. Ĉiu el tiuj ekzempleroj estas numerita kaj surhavas la subskribon de la verkinto, S-ro Agache. La prezoj estas por

Serio A (numerita de 1 ĝis 100) . . . po Fr. 5
„ B ( „ „ 101 „ 105) . . . „ „ 10

La serio B ne entenas verdan koloron. Eble por Esperantistoj tio estas nebonaĵo, sed la tre malmultaj afiŝoj de tiu ĉi serio faras tre pitoreskan efekton.

La poŝtkartoj kostas po Fr. 0. 10 (12 kostas Fr. 1, 100 kostas Fr. 7. 50). Tiuj ĉi prezoj ne entenas la sendkostojn.

La prezo de la glumarkoj estas Fr. 1 por 100 ekzempleroj.

Libristoj kaj revendistoj ricevas specialajn rabatojn.

## DIVERSAĴOJ

.·. **Esperanto kaj turismo.** En „Finna Esperantisto“ ni legas la jenan interesan informon:

„La Turista Societo de Finnlando ne ĉesas montri sian intereson kaj favoron al la Esperanta movado. Ĝin ne kontentigis nur la eldono de Esperanta gvidlibro tra Finnlando. Nun antaŭ kelka tempo ĝi decidis doni subvencion kaj preparigi grandan amason da lumbildoj por sendi nian samideanon, S-ron Vilhö Setala (Distrikta Delegito) al eksterlando por fari esperantajn paroladojn pri Finnlando kiel celo de turismo. Li vojaĝos kredeble tra Anglolando (kaj eble Belgolando) al Parizo por partopreni en la Deka, kie li reprezentos EAF kaj revenos tra Germanlando kaj Danlando al nia patrujo. La subvencio ricevita estas tiom granda, ke li ne bezonas postuli de la societoj, kiuj aranĝos la okazojn por parolo, ian pagon, nur senpagan ĉambregon kaj lumbildan aparaton al sia dispono.“

Gratulojn al la Turista Societo de Finnlando!

.·. **Esperanto kaj katolikoj.** — La Va Internacia Kongreso kaj Pilgrimo de la katolikaj Esperantistoj okazos en Lourdes la 12-17 aŭgusto 1914, sub la honora prezido de Lia Episkopa Moŝto Mons. Schœpfer, episkopo de Tarbes kaj Lourdes. La kongresanoj ĉeestintaj la Dekan en Parizo foriros kune dimanĉon 10 aŭgusto je 22 h. kaj alvenos en Lourdes la morgaŭon tagmeze. La tuta kvintaga ĉeesto ne kostos pli ol 35 Fr. por ordinara klaso kaj 40 Fr. por unua klaso. Kongresa kotizaĵo 5 Fr. Personoj dezirantaj partopreni sendu plej baldaŭ sian kotizon al F-ino Larroche, 55, rue de Vaugirard, Paris.

.·. **Esperanto kaj laboristoj.** — Dum la Deka Kongreso okazos en Parizo laborista-esperantista kongreso, kun ĉefa celo fondi interligon inter laboristaj Esperantistaj grupoj ekzistantaj ĉiulande. Jam estas elektita komitato por preparado de tiu kongreso kaj ĉio rilatanta ĝin, nutrado, loĝado, ktp., tiamaniere ke por alilandaj laboristoj la kosto estu kiel eble plej malkara. Por ĉiuj informoj sin turni al Esp. Laborista Franca Unuiĝo, 121, rue de la Convention, *Paris*, 15e.

.˙. **Esperanto kaj aerveturado.** — La grava jurnalo *Die Zeit* (La Tempo) en Wien raportis, ke la societo por aeronaŭtiko en Supra Aŭstrio sendis per kapitano Malina proponon por enkonduko de Esperanto kiel oficiala lingvo de la Internacia Aeronaŭtika Federacio. Pri tio S-ro kapitano Engel faris detalan raporton por Esperanto. La vic-prezidanto de la Aeroklubo, majoro Hinterstoisser, varme rekomendis la proponon kaj post longa debato oni transdonis ĝin al la aeronaŭtika komisiono por la enkonduko de la necesaj laboroj.

---

## TRA LA GAZETARO

.˙. *La Revuo* (marto). En Egiptujo (G. Wilken):

„... En Egiptujo ĉio estas internacia: komerco, gazetaro (gazetoj je sep lingvoj), eĉ Juĝejoj, kie kvar lingvoj estas prenitaj kiel oficialaj. Do, estas ebla proceso, kies peto estas skribita angle, respondo arabe, parolado itale kaj verdikto france. Jen kie estas granda neceso de Esperanto!... En Egipta ĉefurbo, Kairo, dum 1910, laŭ la klopodoj de Delegito de UEA, D-ro H. Šipek, kaj S-roj L. Atkins, Veronezi, k. a. estis fondita la „Egipta Esperantista Asocio", tre favorita de Estraro, de la publiko kaj gazetaro. „Egyptian Gazette", „Bourse Egyptienne", „Misr" diverslinge salutis ĝian naskiĝon. De tiam komencis viglan propagandon de nia movado — unuaflanke nemultenombraj, sed veraj Esperantistoj, membroj de UEA — aliparte nia honorinda Delegito UEA, D-ro Šipek, kiu farigis de sia sanigejo en Heliopolis (apud Kairo) veran Esperantan hejmon. Kaj nia afero evidente progresas. En angla „Okupanta Armeo" fervore propagandas S-ro G. Lee, sekretario de EEA. Kiel efiko de iliaj kunigitaj klopodoj, ni povas nun renkonti samideanojn en granda nombro de Egiptaj urboj. Centra Oficejo de EEA kunigas ilin ĉiujn. Antaŭnelonge fondiĝis, kiel filio de EEA en Aleksandrio Societo Esperanto sub la prezidanteco de Del. de UEA G. Wilken. Malgraŭ tio, ke ĝis nun Esperanto estis preskaŭ nekonata, ĝi unuajn paŝojn montris. Malfermitaj kursoj estas tre bone vizitataj, ĉiusemajne aliĝas novaj membroj, kaj ĉiulandaj samideanoj sendante kuraĝigajn salutojn, helpas konvinki nekredemulojn."

.˙. *Amerika Esperantisto* (februaro). Esperanto en Persujo:

„La Centra Oficejo de la Persa-Amerika Asocio por Edukado en Vaŝingtono, D. C. ricevis la novaĵon, ke en Persujo oni estas organizinta diversajn studklasojn de Esperanto. Ĉe la lernejo Tarbiat en Teheran klaso jam funkciadas. En la urboj Tabriz kaj Urmial en Persujo oni multege interesiĝas kaj granda entuziasmo regas, kaj la Persa-Amerika Asocio en Vaŝingtono estas provizanta la necesajn lernolibrojn. Ĉio tio estas bonega komencado, kaj oni esperas, ke multaj klasoj baldaŭ stariĝos en aliaj urboj persaj, ĉar la nuna majstro de la Bahai'a Revelacio, Abdul Baha, ordonis al siaj tri milionoj da persaj kredantoj studi ĉi tiun lingvon..."

.˙. *Germana Esperantisto* (marto): Nia gazetara mizero (R. Maske):

„Kiu nur iomete observis la Esperantan gazetaron, tiu konvinkiĝis, ke ĝi grave malsanas. Suferantoj estas ĉiuj tri faktoroj de nia gazetaro: eldonantoj, redaktoroj kaj publiko, sed la plej granda malhelpo rezultas el tia stato por nia tuta movado...

„Ĉu ekzistas eldonanto de iu Esperanta gazeto, kiu havas profiton el sia eldonaĵo? Certe ni povas respondi: ne. Sed ekzistas multaj, kiuj havis kaj havas malprofiton, ĉar pro malgranda nombro da abonantoj kaj anoncoj la elspezoj superas la enspezojn. Oni povus supozi, ke la eldonantoj aŭ atendas estontan profiton, aŭ simple estas tiel fervoraj esperantistoj, ke ili volas alporti oferojn por nia movado. Rilate al la unua supozo ili povas esti certaj, ke se la afero iros ĝisnunan vojon, la feliĉa tempo ne komenciĝos en la dudeka jarcento. Rilate al ilia oferemo oni devas respondi, ke ĉiu oferemo estas nur tiam fruktodona, kiam ĝi estas bazita sur logika konkludo kaj nun, kiel ni montros, lamas ankoraŭ ĉi tiu logika konkludo. Jen la kaŭzo de la mizero de la eldonantoj.

„La redaktora mizero estas ne malpli granda. La Esperantaj redaktoroj estas bonaj, amindaj homoj, sed ili, laborante, ne povas vivi de siaj moralaj ecoj; pro tio oni ne povas de ili ankaŭ postuli, ke ili fordonu sian tutan forton kaj tempon ekskluzive al sia redaktora tasko, kaj ĉi tiu cirkonstanco des pli malutilas al la gazeto, ju malpli bonajn kunlaborantojn la redakcio havas. La fakto, ke Esperantaj redaktoroj estas superŝutataj per malvaloraj, diletante verkitaj manuskriptoj, ne faciligas ilian pozicion. Ofte esperantistoj estas tro kuraĝaj homoj. Ne unufoje tiu, kiu ĝis la momento, kiam li fariĝis esperantisto, ne kuraĝis skribi plej malgrandan gazetan artikolon en sia gepatra lingvo, sentas sin tuj kapabla, verki longajn „literaturaĵojn" en Esperanto post kelksemajna aŭ kelkmonata studado de iu Esperanta lernolibro, ĉar artefarita lingvo permesas produkti — malutilaĵojn. Ne mem legi bonajn Esperantajn verkistojn, sed feliĉigi aliajn per sia Esperanta kapableco, estas unua zorgo de esperantistigitaj fervoruloj. De tie devenas en Esperantaj gazetoj la multego da artikoloj, senvaloraj rilate al enhavo kaj stilo.

„Sinsekve de tie devenas ankaŭ la tria mizero, la mizero de la Esperanta publiko.

„Pro kio oni lernas Esperanton? Ĉu ĝi devas esti spirita sporto aŭ ludilo, forpelanta enuon de ne sufiĉe okupitaj homoj? Kiu lernis Esperanton, volas havigi al si praktikan utilon aŭ almenaŭ konvinki la neesperantan publikon pri utileco kaj graveco de internacia helplingvo; tion oni eĉ ne povas atingi per tondra klakado kaj bruado dum la kongresoj.

„Esperantisto abonanta iun Esperantan gazeton havas tri celojn: li volas informi sin pri la Esperanta movado, kion efektivigas nun sufiĉe la propagandaj gazetoj; li volas perfektiĝi en bona Esperanta stilo; li volas havi utilon aŭ ĝuon por sia spirito, legante interese verkitajn ĉiuspecajn artikolojn aŭ valorajn, ne konatajn de li literaturaĵojn. En la du lastaj rilatoj la plej granda parto de Esperantaj gazetoj ne povas nun kontentigi eĉ plej modestajn dezirojn de la abonantaro. Malbonan Esperantan stilon, naciismojn, samvole kreitajn vortojn, eĉ gramatikajn erarojn oni tro ofte renkontas en multaj gazetoj. Aliparte la enhavo estas ofte banala aŭ ne interesa.

„... Ni ne povas fini niajn rimarkojn rilate Esperantan gazetaron, ne atentiginte tute senpartie la interesulojn pri prudenta agado de la gazeto *Esperanto* por ekinteresi pli grandan publikon. Anstataŭ tradukadi malnovajn literaturaĵojn (unufoje ĝi pekis ĉi tiurilate) ĝi penas varbi bonajn korespondantojn en ĉiuj landoj, kiuj ofte liveras tre instruajn kaj interesajn artikolojn pri ĉiuj temoj rilatantaj al la kulturstato kaj nacia vivo de tiaj landoj.

„Esperanto ja devas esti spirita ligilo de ĉiuj popoloj, tial estas tiom pli konforme al la celo, ke popoloj senpere, per Esperanto, donu reciproke al si pli verajn kaj kredindajn sciigojn pri sia ekzistado, ol tion ĝis nun faras naciaj korespondantoj de naciaj gazetoj, kiuj tre ofte ne kapablas, kiel fremduloj, juste prijuĝi la landon kaj ĝian loĝantaron..."

.˙. Favoraj artikoloj aperis en: *Ostschweizerisches Tageblatt*, Rorschach (24 februaro), *Rorschacher Bote* (24 februaro), *Rorschacher Zeitung* (25 februaro), *L'Echo*, Toul (28 februaro), *The West Herts and Watford Observer* (7 marto), *El Tiempo*, Murcia (25 februaro), *La Region*, Santa Cruz de Tenerife (13, 14 17 februaro), Dimmalœtting, Feroaj Insuloj (Nº 11).

.˙. La armenlingva taga gazeto *Hohizon* aperanta en Tiflis, publikigas ofte ĝeneralinteresajn artikolojn, tradukatajn el *Esperanto* de S-ro S. Mkrtiĉjan, Del. Batum. La armena jurnalo *Nor Hosand* ankaŭ publikigis longan priesperantan artikolon de S-ro Mkrtiĉjan.

.˙. En la hindi-lingva gazeto *Sarasvati* aperanta en Allohabad, aperis artikolo, kiu vekis grandan intereson kaj elvokis sufiĉan kvanton da petoj.

.˙. Konstantajn artikolojn aperigas *Hunyadvármegye*, Puj. *Déva és Vidéke*.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

*La kotizaĵoj por 1914 estas pageblaj al la Delegitoj, aŭ, se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).

*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).

*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).

*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).

*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA la membrokarton kaj la Jarlibron.*

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | | Frankoj |
|---|---|---|
| | Antaŭa listo | 22.250 |
| 111. | L. Chilard, Versailles | 125 |
| 112. | Vladimir Maksimov, Kutaïs | 125 |
| | Frankoj | 22.500 |

Entute (ĝis la 10 marto) 112 Garantiantoj mendintaj 180 atestojn, valoro 22.500 frankoj (9000 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Komitato de UEA.** — Per sia lasta rondiranta kajero la Komitato alprenis la jenajn decidojn:

1ᵉ Ĝi sankciis la kontrakton inter UEA kaj la Loka Organiza Komitato de la Deka Universala Kongreso de Esperanto pri la aranĝo de la Kongreso de UEA.

2ᵉ Ĝi elektis S-rojn Loth (Lausanne), Robertson (London), de Leener (Bruxelles), Martinet (Paris), Ivanov (Peterburgo) kiel membrojn de la Studenta Komisiono.

3ᵉ Ĝi esprimis al S-ro D. E. Parrish siajn dankojn pro lia fervora kaj diligenta agado por nia Asocio en Nord-Ameriko.

4ᵉ Ĝi aprobis la elekton de S-roj Ed. Mallet, Del. Genève, kaj Ch. Jayet, Del. Morges, kiel financkontrolantoj.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 28 februaro estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 4727 kotizaĵoj (el kiuj 109 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 379; Studenta Fako: 26.

**Statistiko.** — Movado de la korespondaĵoj en la C. O. de UEA dum febuaro:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1461 | 1047 | 262 |

Tuta sumo: 2770. Antaŭa monato: 6156. Antaŭa jaro (sama monato): 2841.

### Financoj.

*Konteltiro de UEA por la monato februaro 1914:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 1724. 64 | Oficejo | 67. 30 |
| Subtenantoj | 85. — | Salajroj | 535. — |
| Entreprenoj | 120. 39 | Korespondado | 69. 50 |
| Jarlibro | 4. 50 | Materialo | 5. — |
| Pagitaj Servoj | 16. — | Presaĵoj | 111. 50 |
| Adm. Enspezoj | 55. — | Jarlibro | 4920. 20 |
| | | Ofic. Organo | 59. 50 |
| | | Adm. Elspezoj | 148. 11 |
| | 2005. 53 | | 5916. 11 |
| Saldo | 3910. 58 | | |
| | 5916. 11 | | 5916. 11 |

### Novaj Delegitoj.

*Berkhamstad* (Anglujo, Herts.). — D.: Michael James Elliott, pastro, „St. Abbs", Kings Road.

*Beroun* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: Antonin Raz, instruisto, Vrchlického ul. 70.

*Circenester* (Anglujo, Gloucestersh.) — D.: J. R. Ainsworth-Davis, profesoro, Royal Agricultural College.

*Cleveland* (Usono, Ohio). — D.: H. S. Hall, 4305 E. 125-th St.

*Coomassie* (Afriko, Gold Coast). — D.: George Gunst, Franca Kompanio de l'Okcidenta Afriko.

*Durban* (Afriko, Natal). — D.: Charles J. Morin, 31, Reed & Champion's Bldg.; poŝta adreso: P. O. Box 22.

*Franca Ŝiparo.* — D.: Charles Fahrner, leŭtenanto sur ŝipo Croiseur „Marseillais", Brest (Francujo, Finistère).

*Heliopolis* (Egiptujo, Cairo). — VD.: Franz Vielhaber, profesora kandidato.

*Hohenlinde* (Germanujo, Silezio). — D.: Georg Blobel, Beuthener Chaussee 22.

*Iowa City* (Usono, Iowa). — D.: F. H. Battey, Box 351.

*Kral. Vinohrady* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: Adolfo Kaŝparek, fervoja oficisto, Smichow-Nadrazi.

*Larrabee* (Usono, Iowa). — D.: Chauncy Case.

*Lipine* (Germanujo, Silezio). — D.: Michaelo Paruch, oficisto, Hüttenstr. 24, en Schlesiengrube.

*Medford* (Usono, Oregon). — D.: James G. Smith.

*Messarbournou* (Turkujo, Haut-Bosphore). — D.: Selim Zifky, profesoro de l'Ecole Pertevniale.

*Miskolc* (Hungario, Borsod). — D.: D-ro Györi Nagy Lajos, advokat-kandidato, Reményi u. 4.

*Newport* (Anglujo, Monmouthsh.). — F-ino Rhys Jones, Higher Elementary School.

*North Abington* (Usono, Mass.) — D.: S-ino W. H. Wyman.

*Petrozsény* (Hungario, Hunyad). — VD.: Ludoviko Petrasits, ŝtata oficisto.

*Pforzheim* (Germanujo, Baden). — D.: Albert Knecht, Badenstr. 14.

*Plauen i. V.* (Germanujo, Saksujo). — VD.: Paul Roeder, desegnisto, Reichstr. 38.

*Rosny-sous-Bois* (Francujo, Seine). — D.: Louis Georges Monnot, oficisto, 36, rue Paul Cavaré.

*Sainville* (Francujo, Eure-et-Loire). — D.: Henri Buret, notario, telefono N° 3.

*Schlesiengrube* (Germanujo, Silezio). — D.: August Dudek, Gutstr. 33.

*Saint-Arnoult* (Francujo, Seine-et-Oise). — D.: S-ino Canet.

*Terni* (Italujo, Perugia). — D.: Domenico Santarone, Viale Ben. Brin 7.

### Ŝanĝoj.

*Alexandrie* (Egiptujo). — D.: Georges Wilken, advokato, B. P. 456.

*Chrudim* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: Fr. Broz, i. r. supera poŝtoficisto.

*Königshütte* (Germanujo, Silezio). — D.: Max Fleischer, 20, Ring.

*Mülhausen* (Germanujo, Elzaso). — VD.: F-ino Mathilde Jaquel, 9, rue de Lyon.
*Partick* (Skotlando). — D.: F-ino A. G. McFarlane, 234, Dumbarton Road.
*Portsmouth* (Anglujo, Southampton). — D.: W. H. Harrison, 304, Fratton Road.

**Eksiĝoj.**

*Borga* (VD.: F-ino Andersen); *Lwow* (VD.: Niznik); *Metz-Sablon* (D.: Künzel); *München* (DD.: Maurer); *Neugersdorf* (D.: Henke); *Spirit Lake* (D.: Battey); *San Feliu de Guixols* (VD.: Geli); *St. Moritz* SD.: Sachse).

# Esperantia Parolejo

### Al korespondantoj

Gesamideanoj, skribante al Germanlando (kaj ankaŭ al la aliaj landoj. *Red.*) bonvolu noti, ke ne estas permesate sur kartoj skribi ekster la streko markanta la spacon por la adresoj; alie oni devas punpagi. Fotografaĵoj ktp. en kovertoj pagas letersendkostojn, se la koverto estas gluita. Sendaĵoj kiel „presaĵo" rajtas havi nur adresan surskribon. *R. K.*

### Oni laŭdas!

.·. S-ro *M. Kipermann*, Esp-iano en Kiev, kore dankas S-ron A. Ŝigorin, Del. en Jaroslav, pro grava servo.

.·. S-ro *I. H. Krestanof*, Esp-iano en Grenoble, esprimas plej korajn dankojn al Ges-roj Gabert, Del. en St-Etienne, S-ro Mège, Del. en Valence kaj S-roj Ploussu, Del. en Grenoble kaj L. Agurtin, pro afabla akcepto kaj helpo.

### Oni petas!

.·. S-ro *J. Pastoor*, redaktoro, poŝtkesto 5, *s-Hertogenbosch* (Nederlando), petas Esp. komercajn prospektojn, katalogojn, prezarojn, informojn pri bonaj rezultatoj de la uzado de Esp. por komerco kaj industrio, por propagando en komercaj rondoj.

.·. S-ro *Miroŝovskij*, sekr., 2307 S. Clifton Pk. Ave., *Chicago* (Ill., Usono), deziras ricevi gazetojn aŭ Esperantaĵojn, el kiuj li povus traduki por ĉiutaga rubriko en la Chicagaj gazetoj. En Chicago okazos la Nacia Esp. Kongreso de Nord-Ameriko.

.·. S-ro *Hynek Černy*, Prez. de la Esp. Klubo kaj Del. en *Rakovnik* (Bohem., Aŭstrio) petas alsendon de prospektoj, prezaroj, poŝtkartoj, por Esp. ekspozicio en Rakovnik (aŭtune 1914).

.·. S-ro *A. Kolĉin*, Del., Str. Tolstogo 71, loĝ. 1, *Samara* (Rus.) petas alsendon de Esp. ĵurnaloj, katalogoj, prospektoj, por praktika propagando.

.·. S-ro *Th. Hanssen*, Del. en *Dubuque* (Usono), petas, ke por propaganda celo oni sendu Esp. katalogojn kaj dokumentojn, al la plej granda homeopatia firmo en la mondo, Homeopatia Centra Apoteko en Leipzig, kiu havas grandegan eksportkomercon.

.·. S-ro *Rukavicin*, Del., Universitato, *Kazan* (Rus.), petas, ke oni bonvolu sendi ĉiuspecajn Esperantaĵojn por ekspozicio aranĝota en Kazan, granda universitata urbo.

.·. S-ro *W. Wittbrodt*, prezidanto de la Esp. Grupo, Anzengruberstrasse 3, *Berlin-Neukölln*, deziras ricevi gazetojn, poŝtkartojn por ekspozicioj dum propagandaj paroladoj.

.·. S-ro *M. de Balzac*, Del., Via Parini 10, *Torino*, petas alsendon de dokumentoj kaj propagandiloj por Esp. ekspozicio.

# Reciproka Informado

Por utili al niaj membroj ni komencis novan servon, kiun ili certe ŝatos. Ĉiu leganto, kiu deziras ion scii pri *iu ajn temo* (komerco, turismo, libroj, institucioj, ktp.) skribu al ni sian demandon. Ni ĝin enpresos ĉi tie kun vica numero. Tre verŝajne inter niaj membroj, legantoj de *Esperanto*, kiuj apartenas al plej diversaj medioj, landoj, profesioj iu povos respondi la demandon. Tiun respondon li bonvolu resendi al ni, kaj ni ĉi tie ĝin enpresos. Ni rezervas al ni la rajton mallongigi kaj aranĝi la tekston de la demandoj kaj respondoj kaj, kompreneble, eĉ tute forigi tiujn, kiuj estus kontraŭ la bonmoroj, la ĝeneralaj principoj de nia gazeto aŭ ne havus sufiĉe ĝeneralan intereson. La demandoj kaj respondoj estu kiel eble plej mallongaj kaj precizaj. Oni skribu ilin tre legeble sur apartaj paperfolioj aŭ poŝtkartoj, aldonante la numeron de la membrokarto de UEA.

### Respondoj

La unua cifero montras la numeron de la demando, la dua (inter krampoj) la paĝon de *Esperanto*, sur kiu ĝi aperis.

10 (49). D-ro V. Pierrie. Higieno de la intelekta laboro. Rb. 1.05 (afr.). Librejo de „Vestnik Znania", Peterb., Nevskij 40. — M. 2717.

# Alvokoj

### Al ĉiulandaj Delegitoj!

Alvokoj al niaj gesamideanoj okazas tiel ofte, ke bedaŭrinde multfoje oni jam ne atentas je ili, ili ĝin meritas.

Tamen mi turnas min per nova alvoko al ĉiuj Delegitoj, al la tuta Esperantianaro, kaj mi petas pri afabla atento.

En la jaro 1914 okazos en Leipzig la „Internacia ekspozicio por librometio kaj grafikaj artoj". Ĉar Leipzig estas centro de la librometio oni jam hodiaŭ povas diri, ke la ekspozicio estos vizitata de plej internacia kaj granda aro de interesuloj. Do, ĉu la ekspozicio estus vere kompleta sen la literaturo Esperantista? Certe ne, kaj pro tio la Leipzigaj Esperantistoj decidis inde reprezenti nian helplingvon per plej eble granda kaj internacia prezentado de libroj kaj aliaj Esperantaĵoj. Kaj kiel la aliaj grandaj popoloj ni ankaŭ volas konstrui *propran Esperanto-domon* en la internacia „strato de la popoloj". Certe tia verko estas inda je la helpo de ĉiu samideano, kaj mi insiste petas la Delegitojn, varbi por ni. Ni ankoraŭ bezonas monon kvankam multaj samideanoj jam donacis grandajn sumojn. Ni ankaŭ petas pri materialo por la ekspozicio. Monon oni sendu al la jena adreso: Saksa Esperanto-Instituto, Dolzstrasse 1, Leipzig (Germanujo) kaj aldonu „por la Esperanta pavilono". Oni akceptas ankaŭ la plej malgrandan sumeton, eĉ respondkuponon.

Por ekspozicio la eldonistoj sin turnu al la „Germana Esperanto-Librejo, Johannisplatz 3, Leipzig", kiu estas komisiita kun la fako pri elmetado, vendado, disdonado de prospektoj, ktp. Por tiu laboro la Germana Esperanto-Librejo postulas kotizon reciproke la necesajn lokon kaj penon.

Pli detalajn sciigojn per la nomita librejo aŭ la subskribinta Delegito.

*Bernhard Koetz*,
Eilenburgerstrasse 49 II, *Leipzig*.

Ĉiu helponto sin turnante al la Delegito ricevos de li la artefaritan, diverskoloran poŝtkarton montrantan la Esperanto-domon, kiu nun jam estas konstruata!

### Al gestudentoj de la franca lingvo!

Post la Pariza universitato estas en Grenoble (Francujo) la plej granda nombro de fremdaj gestudentoj. La universitato organizas kursojn de franca lingvo kaj literaturo por la fremda gestudentaro kaj posedas instituton por franca elparolado. Mi ĉeestis tie la kursojn dank' al UEA, S-ro Del. kun granda komplezemeco atendis min, pro

vizis al mi informojn, loĝejon nutradon — mallonge ĉion. Mi pasigis en Grenoble belajn tagojn inter karaj samideanoj!

Mi petas por pruvi la utilecon de UEA kaj nia lingvo, petu en Esperanto de Patrona Komitato de la Universitato en Grenoble esperantajn informojn kaj gvidlibron esperantan. Ankaŭ turnu vin al S-ro Ploussu, Del., en Grenoble (4, place J. Achard).

*B. Ludirk*, Del.,
*Kounice* (Bohemujo).

## Kiu helpas!

Por propagandi Esperanton en la Nederlanda provinco Zelando, oni fondis Zelandan Esperantan Komitaton. Propagando en nia provinco tamen estas tre malfacila kaj estas nepre necese, ke oni konvinku la *komercistojn* pri la *praktika* utileco de Esperanto. Por tio mi petas, ke Esperantiaj entreprenoj sendu al mi plurajn katalogojn, kiujn mi disdonos al Zelandaj komercistoj kaj butikistoj.

Sed ankaŭ firmoj aŭ personoj, kiuj ne havas Esperantajn katalogojn, tamen volos vendi ion en nia provinco povos helpi kaj samtempe ankaŭ havi la eblon fari aferon. Ili sendu al mi leteron de ne pli ol 500 vortoj kaj aldonu du respondkuponojn. Mi tiam dudekfoje kopios la leteron kaj sendos la kopiaĵojn kun nederlanda noto al komercistoj, kiuj laŭ mia opinio havos intereson pri la afero. Krom aliaj aferoj precipe en Zelando estas vendeblaj: grensemoj, fruktarboj, artsterkaĵoj, buterfariloj, bicikloj, maŝinoj por terkulturado, nutraĵo por brutaro. *C. Chr. Droogendik*, Del.,
*Stavenisse* (Nederlando).

## Teatristoj kaj teatramantoj

Mi intencas kolekti materialon por interesa verko, kiu pritraktos valorajn artikolojn pri teatroj de XXa jarcento. Oni bonvolu sendi: 1e Informojn pri teatra vivo per leteroj. 2e Portretojn de fame konataj geaktoroj kaj teatroj per il. poŝtkartoj.

Al ĉiuj, kiuj bonvolos helpi al mi, mi respondos per letero aŭ karto kaj rekompencos la plenumitan ĝentilecon laŭ esprimita deziro.

*Julio Baghy* (UEA), hungara aktoro,
Teatro, *Kassa* (Hungario)

## Instruistoj

La Komitato de la *Nov-Zelanda Edukada Instituto* proponas aranĝi veturajn stipendiojn por ke diversaj N.-Z. instruistoj vizitu, de tempo al tempo, la plej bonajn lernejojn de Britujo kaj de la Kontinento por pli bone konatiĝi kun la plej taŭgaj modernaj metodoj. Samprofesiaj Esperantianoj kaj Esperantistoj volu komuniki pri tio kun S-ro

*J. A. Hodges* ĉe S-ro *J. W. Atkinson*,
Western Springs Rd., Morningside, *Auckland* (Nova Zelando)

## Familio Ovens

Ĉiujn samideanojn, kiuj portas la nomon Ovens (Orvens, Oŭvens, Oŭwens) mi petas helpi ellabori kronikon familian. Mia kroniko jam etendiĝas ĝis la jaro 1553. Hejmlando estas Nord-Frisujo (nord-okcidenta parto de la germana provinco Schleswig-Holstein). Multe da fadenoj perdiĝas Nederlandon, Anglujon, Amerikon, Svedujon. Mi petas alsendi kiel eble plej precizajn notojn pri deveno kaj eble fotografaĵojn (parencecaj estas la familioj Hoyers, Nommensen). *Ove Ch. A. Ovens*, Hamburgo 26.

## Esperantistaj skoltoj

La organiza komitato de la unua internacia kongreso de francaj skoltoj, kiu okazos en Angers dum 16, 17, 18, 19 julio 1914, vigle laboras.

La nombro de skoltoj, kiu; akceptis ĝis nun partopreni la kongreson superas 2000, kaj oni esperas, ke tiu ĉi nombro duobliĝos.

La eksterlandaj asocioj de skoltoj komencis sendi sian aliĝon; jam multaj petis informojn esperante skribitajn.

Mi insiste petas Esperantistajn skoltojn (scouts, exploradores, ktp.) kiuj partoprenos la kongreson, ke ili konigu sin al S-ro Bessonneau Julien, prezidanto de la kongreso, Angers (Maine-et-Loire, Francujo).

La komitato antaŭvidas la eblecon aldoni al la skolta manifestado Esperantan manifestadon; estus do dezirinde, ke el multaj landoj oni petu informojn pri la kongreso al la supredirita adreso.

*L. Blot* (Del. Angers).

## Ekspozicio de insektoj

Kolekto de insektoj de la tuta mondo estos videbla ĉe la Pariza Kongreso. Ĝi estos farata nur per la sendaĵoj de niaj samideanoj.

Do, la Esperantianoj de ĉiuj landoj, urboj, vilaĝoj bonvolu sendi por tiu celo kelkajn eĉ ne belajn insektojn kaptatajn de ili aŭ al ili donitajn. Facile estas prepari ilin por la vojaĝo. Oni mortigos la insektojn per iomete da petrolesenco, aŭ etero, karbonsulfuro, kloroformo, proksimiĝos la membrojn de la korpo, fermos la flugilojn de papilioj. Poste, oni metos la insektojn aŭ inter paperaĵoj aŭ en kotono, lasos ilin sekiĝi dum kelkaj tagoj, kaj sendos en ligna skatoleto al S-ro P. Varnier, Del. de UEA en Meaux, apud Parizo, kiu preparados ilin, kaj sube, metos la nomon de la sendinto.

La rezultato de tiu provo estos skribata al la naturscienca gazetoj. Do, la plej multaj kiel eble, bonvolu helpi lin. Viaj nomoj estos legeblaj ĉe la Kongreso! Ideo aprobita de la Kongresa Komitato. *P. Varnier* (Del. Meaux).

DARMSTADT (Germanujo, Grh. Hessen). — S-ro Max Neufang, Kahlertstr. 40/II (koresponde ŝatkudi kun majstro aŭ unuaklasa ludanto eksterlanda).

DRESDEN-A. (Germanujo, Saksujo). — S-ro Rudolf Igel, Feldherrenplatz 4, Pl., PM. (kun ĉiuj landoj).

ELBERFELD (Germanujo, Rheinland). — S-ro Beichel, Blankstr. 30, L., Pl. (kun eksterlandanoj).

FIRMINY (Francujo, Loire). — S-ro Marius Caleyron, 28, rue Sadi-Carnot.

GAINESVILLE (Usono, Florida). — F-ino E. Esther Owen, Del. UEA, Southland Seminary (pri poezio, dramo, novaj profesioj por virinoj, laboro por infanoj, alkoholismo).

GEFLE (Svedujo). — S-ro Elias Beckmann, Allm. Lärov., L., Pl. (fotografaĵojn).

GEFLE (Svedujo). — S-ro Einar Adamson, 4-27, 20-jara, Pl., PM., L. (gazetoj).

HELSINKI (Finnlando). — F-ino Aino Bröcker, Kasarminkatu 14, Sair. hoit. yhd.

KAMIŜIN (Rusujo, Saratovsk. gub.) — S-ro V. Maslov, Prospekt Aleksandra II, Nº 19 (kun neeŭropanaj samideanoj).

KARS (Rusujo). — S-ro A. Akopov, Sapernaja ul.

LAUBAN (Germanujo, Silezio). — S-ro Fr. Lange, suboficiro, 5. Kompanio de Infanteria Regimento Nº 19, Pl. (kun ĉiuj landoj).

LENNEP (Usono, Montana). — S-ro Fred. Rognlie, PK. (ankaŭ portretojn).

LYON (Francujo, Rhône). — Grupo de Junuloj, Pl., L. La unuan Pl. adresu al S-ro Robert Meychass, studento, 25, rue Centrale, Lyon.

MACEIO (Brazilujo, Alagoas). — S-ro Paŭlino Santiago, Pl. L. (pri diversnaciaj aferoj, historio, ktp.).

MACEIO (Brazilujo, Alagoas). — S-ro Pedro Lima, dentisto, rua Calheiros da Graca, Pl.

MACEIO (Brazilujo, Alagoas). — S-ro José Maia, rua do Commercio 61, Pl.

MOSKVO (Rusujo). — Grupo Esp. de komizoj vojaĝantaj deziras korespondi kun ĉiuj landoj; adreso: Petrovka, domo 8, loĝ. 6, „Vojaĝo".

NEUGERSDORF (Germanujo, Saksujo). — S-ro Schönfelder, lignaĵisto, Fünfhäuserweg 238 E., Pl., bfl. (kun ĉiuj landoj).

NEW-YORK (The Bronx, N. Y., Usono). — S-ro Creston C. Coigne, 2627 Webster Ave. (kun psikologoj pri nenorma psikologio, hipnozo, sonĝoj k. s.).

OLOMOUC-NOVOSADY (Aŭstrio, Moravio). — F-ino Vlasta Dolezelova. Pl., PM., bfl.

OLOMOUC-NOVOSADY (Aŭstrio, Moravio). — F-ino Anna Kaschpirek, Pl., PM., bfl.

OLOMOUC-NOVOSADY (Aŭstrio, Moravio). — F-ino Hilda Kudela, Pl., PM., bfl.

PLAUEN I./V. (Germanujo, Saksujo). — S-ro Kurt Lange, König Georgstr. 15, Pl., L. (precipe kun samideanoj en London).

POITIERS (Francujo, Vienne). — S-ro Georges Thébault, studento, 10, place de la Liberté, Pl., PM., L, bfl. (kun ĉiuj landoj).

POITIERS (Francujo, Vienne). — La fraŭlinoj kaj fraŭloj de „Esperantista Junularo" deziras konstantan korespondadon kun ĉiuj landoj. Sin turni al la prezidanto: S-ro Gaston Lelarge, studento, 44, rue de la Cathédrale, Pl., PM., L., bfl.

SABADELL (Hispanujo). — S-ro Jozefo Sobré, 5, Huerta Nueva, PK., L.

SABADELL (Hispanujo). — S-ro Jaime Guillem, Sto. Salud 127, Pl., PM.

SIDI-ABDALLAH (Tunizio, O. M.) — S-ro Lucien Blin, Pl.

SMICHOV-NADRAZI (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Adolf Kaŝparek (interŝanĝas belajn fotografaĵojn, kliŝaĵojn, ankaŭ trikolorajn, Esp. gazetojn kaj ne-Esp. ilustr. gazetojn).

TUNIS (Tunizio). — S-ro Ed. Hélie, O. M. 1re Sidi-Abdallah-Ferryville, Pl., PK.

WINDSOR (Anglujo). — S-ro W. Drury, studento, L., Pl., PK., (kun ĉiuj landoj, pri ĉiuj temoj, sed precipe literaturaj, sociologiaj kaj artistaj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AGENTECOJN por ĉiuj landoj prizorgas samideano, nomas devenojn ktp. Senpage, nur unu respondkup. Postlagerkarte 93, Berlin SO. 26.

AVIZO. — La nova adreso de Librejo „Esperanto" en Montevideo estas: strato Colón 1517, Montevideo (Uruguay).

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Petu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune*, Côte-d'Or, Francujo.

ĈIUJ SPERTAJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke dum festo festeno, balo, kongreso kaj familia festo nek ŝaŭmanta aŭ neŝaŭmanta vino, nek brando nek biero aŭ alia alkoholaĵo estas necesaj. La vera ĝojo devenas el profundo de l'koro kaj ne bezonas instigilon tiel danĝeran kiel la alkoholo. La kutimo festi trinkante estas kaŭzo de multnombra malfeliĉo.—St.

ESPERANTISTOJ LEGU ATENTE! Ĉu vi volas ŝpari monon? Se jes, kiam vi deziras aĉeti kion ajn komercaĵon francan, turnu vin al la firmo Remy kaj K-io. Ĝi profitigos vin je parto de diskonto ricevota de la fabrikistoj pri ĉiuj artikloj. Skribu petojn (kun respondkupono) al Remy kaj K-io, Komerckonsulo de UEA, Boîte 450 (poŝtkesto), poste centrale, Paris.

FILATELIO. — S-ro W. C. Poeemdelust, Prinsengracht 148, Amsterdam (Nederlando), petas interŝanĝon de uzitaj ĉiulandaj poŝtmarkoj por multvaloraj Nederlandaj poŝtmarkoj.

FILATELISTOJ. — Dek aŭ pli multe da diversaj aŭstriaj jubileaj poŝtmarkoj interŝanĝos A. Ptaĉovsky, Lorecka ul., Kutna Hora, Aŭstrio, Bohemujo.

GRAVA PETO. — Esperantisto, hinda kristano, Del. de UEA, deziras ĉeesti la Dekan Kongreson en Parizo. Li estas tre malriĉa. Ĉu la samideano bonvole helpus lin? Adreso: S-ro K. Samuel, Serampore College, Serampore, Bengal, Hindujo.

PENSION-LERNEJO: 17 St. Stephen's Square, London W, D-ro O'Connor. M. A. P. D-ro. Prospekto senpage.

POŜTMARKOJN hispanajn, portugalajn kaj brazilajn, uzitajn, novajn kaj malnovajn deziras interŝanĝi Juliusz Chodacki, Nowy Sacz 1, Galicio, Aŭstrio.

RUSA VORTARO de P. Stojan, laŭ modelo Larousse, enhavas 40 mil vortojn kaj 1300 bildojn. Afrankite kaj rekomendite Sm. 3. 50, bone bindita Sm. 3. 80. Librejo „Esperanto", Lubjanski pr. 3, Moskvo

SENPAGE. — Kontraŭ Pl. mi sendos ilustritan gvidfolion de ĝardenurbo Letchworth. F. A. Goodliffe, Delegito, Letchworth (Anglujo).

SIGELMARKOJ. — Ni estas seriozaj kolektantoj de Esp. sigelmarkoj, kaj ni petas eldonantojn de Esp. sigelmarkoj daŭrigi la sendon de specimenoj de siaj eldonoj; ni nepre aĉetas, sed nur la Esperantajn, precipe ni preferas la fuŝmarkojn. V. J. Aleksandrovskij (Novouzensk), N. Pizov, J. Jurjev (Kuzneck), A. Seitov, Kuzlin (Kazanska), I. Dementjev (Balaŝov), Almazov (Pjatigorsk.). Georg Davidov, Saratov, Poŝtkesto 12 (Rusujo).

STIRIO en vintra vestaĵo. — Artikolo kun belegaj ilustraĵoj en Nº 2 de „La Marto" en Haida (Bohemujo); prezo unu respondkupono.

TESTUDOJ, gardantoj kontraŭ la insektoj en la ĝardenoj. Du belaj testudoj kontraŭ poŝtmandato de Sm. 2.500 por Eŭropo; ekster Eŭropo oni aldonu la poŝtelspezojn. Adreso: H. Manson, Librejo Esperanto, Ferryville (Tunizio).

## PARIS 1914!

Vi devas legi en la arte ilustrita

**KONGRESA GAZETO**

la cirkulerojn de la Organiza Komitato; la informojn de la Komisionoj; la praktikajn konsilojn de M. Z. A.; la artikolojn de famaj Esperantistoj; la nomaron de la Kongresanoj; la respondon al ĉiuj viaj demandoj.

SED . . . por legi tion, necese estas ricevi la Gazeton.

**Ricevos ĝin nur la jam aliĝintaj Kongresanoj**

VI ALIĜU! Se vi aliĝos ekzemple en marto, la 1a de vi ricevota numero estos la aprila.

---

# L. F. KAHAN

**BERLIN S.O. 26**

Dresdenerstrato 5

**Reprezentanto de Krautwurst & Link**

**Fabriko por: Metalaj numeromaŝinoj, poŝto-stampoj kaj stampo-kusenoj.**

Por: Presejoj Paperejoj Bankoj

DURABEL

Por: Poŝtaj kaj Fervojaj oficejoj

Oni nepre postulu la katalogon senpagan.

**En ĉiu lando mi serĉas reprezentantojn kaj agentojn.**

**Se estis reiranta** iu el miaj leteroj, mi petas ĝin denove sendi al mia nova nuna adreso: *L. F. Kahan, Berlin S. O. 26, Dresdenerstrato 5.*

---

# HOLDEN FRATOJ

liveras Botojn, Ŝuojn, Sandalojn, Pantoflojn, Kaŭĉukajn Ŝuojn, Ŝtrumpojn kaj Ŝtrumpetojn. Ĉiuj ekskluzive laŭ la tipo „Naturformo“.



## HOLDEN FRATOJ

**3, Harewood Place, Oxford Circus, London W.**

Katalogoj senpage. Oni parolas Esperante.

---

La artefarita




BERLIN NW 6, Luisenstr. 51.
Oni parolas esperante!

## Nova kuracmetodo!

Por malsanoj de la asimilo, de la sango kaj por malsanoj de la koro kaj de la nervoj k.a. Oni mendu prospektojn esperantajn (senpage) aŭ broŝureton (20 Sd.). — DU FAKKURACISTOJ. Direktoro: D-ro BREIGER.

---

# HUGUENIN FRERES & Cie

LE LOCLE

MEDAILLES — INSIGNES BIJOUTERIE —

---

# Por la Skribtablo

Pelikan-Tinte

**Inko Pelikan**

**Agrable facilfluanta**

**Postulu prospekton esperantan kaj senkostan specimenon de la fabrikanto GÜNTHER WAGNER Hannover [Germanujo] kaj Vieno [Aŭstrio]**

---

# E. J. HOFFMANN — THUN

**Fabrikejo de karton- kaj ladpakiloj**

Specialaĵo: LADDOZOJ sen kaj kun stampo de la firmo faritaj el unu peco kun duobla faldo kaj lutita. Patentskatoloj. — Skatoloj por konservaĵoj. — Mielujoj. — Dozoj por uzadoj en apotekoj kaj ĉiuj aliaj por diversaj uzoj.

**Litografio — Kromo-presado**

por skatoloj kaj reklamafiŝoj. — Reliefaj ŝtampaĵoj.

**Librobindejo kaj kartonaĵoj**

**Mekanika Laborejo**

Telefono — Adreso telegrama: HOFFMANNS THUN

Bronza medalo PARIS 1889 — 2 arĝentaj medaloj GENÈVE 1896 — 2 oraj medaloj THUN 1899

---

La viroj, kiuj deziras esti sanaj, sendu sian adreson al „Komerco“, Lodz, Rusujo, Polujo, Konstantinovska 49, kie ili ricevos senpagan konsilon.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO